Redakcio kaj administracio: Budapest. IX., Mester-utca 53. V. 7. Telefono 380—84.

Responda redaktoro: *Karlo Bodó*

Redaktoroj: *Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche*

## Kien sendi monon por abono kaj libroj?

### Al niaj reprezentantoj

**Aŭstrio:** Rudolf Foltanek, *Wien*, I. Herrengasse 2—4. Poŝtkonto nro 19.704

**Aŭstralio** L. E. Thomson, *Pymble N. S. W.* Tallangetta, Church str.

**Belgujo:** Belga Esperanto Instituto *Antwerpen*, Kleine Hondstraat 11. Poŝtkonto nro 1689.58. Flandra Esperanto-Instituto. *Kortrijk*, Marckesteenweg 18, poŝtkonto nro 3268.51.

**Britujo:** Alec Ventura, *Mitcham*, (Surrey) 42 Hawkes Road.

**Bulgarujo:** Centra Librejo »Esperanto« *Sofia* str. Maria Luiza 38.

**Ĉeĥoslovakio:** Otto Sklenĉka, *Hradec-Kralóvé*.

**Danujo:** Isosek, sro L. Friis *Aabyhöj*, Frodesvej 21.

**Estonio:** Helmi Dresen, *Tallinn*, Poŝtkest 6.

**Francujo:** Centra Esperanto Librejo *Paris* 6e. 11 rue de Sèvres

**Germanujo:** Postĉekkonto de Vilmos Bleier, *Berlin 138084*

**Hispanujo:** Ferdinand Montserrat, *Barcelona*, str. Provenza 75, 2—3a

**Italujo:** Itala Esperanto Centro *Milano*, Galleria Vittorio Emmanuele II. 92.

**Jugoslavujo:** Sudslava Esperanto Servo *Zagreb*, Primorska 11.

**Nederlando:** Leo Moreau, *Arnhem*, Raapopsche weg 55. poŝtkonto nro 13848.

**Polujo:** Halina Weinstein, *Warszawa*, str. Leszno 99 Izrael Lejzerowicz, *Lodz*, Skwerowa 20. Poŝtkonto nro W. P. K. O. 68273.

**Rumanujo:** Esp.-Instituto Rumana, *Cluj*, str. Bravilor 15

**Svedujo:** Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 1. Fack 698 Poŝtĝirokonto nro 578

**Svisujo** Nova Esperanto Grupo, sro Hans Pfiffner, *ST. Gallen* C. Gallusstrasse 34.

**Japanujo:** Japana Esperanto Instituto *Tokio*, Uŝigomeku, Sin Ogaŭamaĉi III.

**Usono:** Amerika Esperanto-Insituto. Madison, (Wis.) Sherlok Hotel



Nia sekva numero aperos la 10-an de novembro

# Esperanto, lingvo de literaturo*

– Jean Forge –



Sinjorinoj kaj sinjoroj!

Duan fojon la Esperantaj poetoj kaj verkistoj venas al la Esperanta popolo por prezenti al ĝi la belan muzikon de la Esperanta vorto! En tiu ĉi momento ripetiĝas la ĉiujara miraklo de nia kara lingvo Esperanto, kiam centoj da koroj ekbatas en unu ritmo, kiam centoj da lipoj diverslingvaj ekmovas sin por eldiri sentojn kaj pensojn en unu komuna lingvo!...

Hodiaŭ kiam la voĉoj pli kaj pli multiĝas, kiuj plendas pri la malrapida progresado de nia afero, pri la krizo kaj stagnacio en nia movado, ni konstatas kun ĝojo kaj fiero, ke la nova freŝa vento de nia *literaturo* konstante blovas, ke *ĝi* pelas la Esperanto-ŝipon senhalte antaŭen, — kaj ni konstatas kun admiro, ke tiu freŝa agrabla vento blovas el Budapest kun speciala forto! La mirinda ekfloro de nia verda literaturo post la milito atestas brile pri la *vivanta* lingvo Esperanto!

Ni venas al vi hodiaŭ ne por reklami niajn nomojn, sed ni venas al vi por enspiri en viajn korojn la admiron kaj amon al la lingvo, por popularigi la Esperantan libron! Ni bone konscias, la historio ja elmontras tion klare; kion signifis kaj signifas la literaturo en nia movado. La libro ja ludas ĉe ni pli gravan rolon ol en iu ajn nacio! Ĉar la Esperanta libro havas la unuan kaj plej gravan taskon: eduki, krei perfektajn Esperantistojn! Mi estas profunde konvinkita, ke ni baldaŭ forigos, malaperigos tiujn samideanojn, eternajn komencantojn de nia lingvo, kiuj preskaŭ pendolas nur inter »bonan tagon« kaj »ĝis revido«, se ni pli energie akcentos kaj popularigos en niaj grupoj la legadon de la Esperanta libro!

Kaj tamen — ankoraŭ hodiaŭ ekzistas homoj, kiuj subtaksas la gravecon de nia literaturo, kiuj ridetas pri la skribistaĉoj Esperantaj, kiuj neas la necesecon de la originalaj prozo kaj poezio. Ili ne scias, ke la *literaturo* estis tiu mirinda motoro, kiu ekmovis kaj funkciigis la lingvon, ke la *literaturo* estas ankaŭ hodiaŭ tiu mirinda akumulatoro, kiu sendas kvazaŭ elektran fluon, ian misteran vibradon tra niaj koroj! Por pruvi tion ĉi, ne decas citi la *nunajn* poetojn kaj verkistojn, sed por kompreni tion, ni devas returni niajn okulojn en la pasintajn tempojn, kiam estis la komenco de la lingvo, la unua naskiĝo de la Esperanta vorto!...

Kaj en tiu ĉi momento de nia Literatura Vespero, en tiu ĉi momento antaŭ miaj okuloj kvazaŭ sur sorĉa ekrano de la animo ekaperas la vivo de tiu granda homo, kies lingvon ni hodiaŭ parolas... kvazaŭ sur interesega filmrubando ekaperas la scenaro de lia vivo, kiu similas al plej fantazia romano plena de ĝojo kaj doloro! Sur la filmekrano de la animo aperas multaj, multaj multkoloraj bildoj... kelkajn el tiuj bildoj mi vidas tute klare, kelkajn scenojn... ili apartenas jam delonge al la historio, sed nun ili reviviĝas subite...!

Mi vidas modestan ĉambron de studento. Profunda silento regas inter la kvar muroj. Ĉe la tablo sidas juna pala homo kaj skribas. Sur la manuskriptaj folioj aperas literoj, vortoj, frazoj... de lingvo nova, nekonata. Li forstrekas vortojn, aldonas novajn, serĉas en libroj, komparas. La lampo sendas sian lumon super la manuskriptojn. Pasas horo post horo. Sed la bildo de tiu skribanta junulo restas la sama. Pasas semajnoj, monatoj, jaroj — la bildo de la studento laboranta super siaj manuskriptoj en silenta ĉambro restas la sama.

Sed jen rigardu! Sur la tablo kuŝas libroj, libroj. Kaj jen sur la libroj ni povas legi la nomojn de la aŭtoroj: SHAKESPEARE... MOLIÈRE... GOETHE... SCHILLER... GOGOL. Kion faras la juna studento? Li tradukas la verkojn de plej famaj poetoj en la novan lingvon. Tra la ĉambro blovas io mistera, potenca. Jen ŝajnas ŝvebi tra la ejo la spiritoj de plej famaj poetoj de la mondo, ili partoprenas kaj ĉeestas la veran naskiĝon de la nova lingvo! La juna studento scias; lia lingvo estos perfekta kaj bona nur tiam, kiam ĝi kapablos esprimi kaj respeguli la pensojn kaj sentojn de tiuj grandaj poetoj, kiam ĝi povos komenci sian propran vivon, la vivon de memstara literatura lingvo kun propra stilo kaj spirito!

Longe restas tiu bildo de la laboranta junulo sur la ekrano. Sed jen! Mi vidas, kiel liaj malgajaj revemaj okuloj leviĝas, kiel liaj rigardoj ŝajnas vagi tra tiuj silentaj muroj eksteren, en tiun bruan mondon, pri kiu li rezignas. Jes, ekstere bruas la mondo, logas knabina rido, studentaj kolegoj en gaja rondo...! Ĉu en liaj okuloj ne ekbrilas larmoj? Lia mano ekprenas la plumon, glitas super la manuskriptajn foliojn... kion li skribas?.. MIA PENSO...

»Kion havis mi plej karan —  
La junecon — mi ploranta  
Metis mem sur la altaron  
De la devo ordonanta.«

MIA PENSO — la unua poemo en la nova lingvo, la komenco de la originala poezio Esperanta!

Kaj jen nova bildo aperas, nova sceno el la multkolora scenaro de la historio. En malgranda pola urbo mi vidas fenestron de librejo. Kaj en tiu fenestro mi vidas multajn librojn kun belaj titoloj kaj koloraj kovriloj. La homoj preterpasas tiun librejon, neniu haltas antaŭ tiu fenestro. Tiam — laŭlonge de la strato venas juna ĉirkaŭ tridekjara sinjoro. Li haltas antaŭ la fenestro kaj li rigardas, rigardas... Ion interesan li ekrimarkis. Li surmetas sian nazumon por vidi pli bone. Jen inter la multkoloraj libroj kun la kriantaj titoloj kuŝas modesta griza broŝuro »Internacia Lingvo« de D-ro Esperanto! Kaj tiu juna sinjoro eniras la librejon kaj aĉetas la broŝuron.

Mi vidas, kiel tiu sama sinjoro post kelkaj tagoj surpaŝas la ŝtuparon al la loĝejo de d-ro Zamenhof en Warszawa, kiel li levas la manon kaj sonorigas, kiel la pordo malfermiĝas kaj kiel en la kadro staras la modesta malalta figuro de d-ro Esperanto. La fremda sinjoro rigardas lin dum momento kaj poste diras en la nova

* Parolado okaze de la Literatura Vespero, Parizo, 1932.

# ŜIMŜON

**— JAN WALCH —**

I.

Thomas estis tridekseppjara, kaj portis lipharojn kaj pintan barbeton. De nememoreblaj tempoj Thomas estis tiel frizita; kaj tio bone lin plaĉis.

Tiam okazis, ke Thomas en fatala posttagmezo akompanis sian edzinon al la vagonaro, kaj per la sama vagonaro foriris societo de aktoroj. Kaj la edzino de Thomas plaĉe rigardis tiujn glatrazitojn. Ĉi tio iom incitis Thomason, kaj li demandis:

»Kion do vi tiel rigardas?«

La edzino de Thomas respondis tre kviete kaj plezure:

»Tiujn pure-razitajn vizaĝojn. Tio ja estas mirinde ĉarma.«

Post ĉi tio Thomas ne tiel kore adiaŭis sian edzinon kiel kutime: kvankam ŝi forvojaĝis por *kvar* tagoj; al sia patrino. Kaj dumvoje hejmen Thomas meditadis. Meditadis pri la aŭdaca ideo: »Se ankaŭ mi foje igus mian vizaĝon razi kalva?«

II.

Ion tian oni faras nur post zorga konsiderado de la rezultatoj; kiel decas al prudenta tridekseppjara homo, Thomas unue esploris la demandojn: kiel okazis, ke iam mi decidis lasi tiujn barbon kaj lipharojn kreskantaj? Kaj ĝis kia grado ankoraŭ validas la argumentoj, kiuj siatempe kondukis min al tio?

Antaŭ ol eliri al la Stacidomstrato, Thomas jam konkludis, ke siatempe — tio estis proksimume antaŭ dudek jaroj — li lasis kreski siajn lipharojn, ĉar tio faris pli viran impreson, tio estas, malpli junan. Tiu kialo sendube multe perdis dum la pasintaj jaroj el sia forto. Thomas ekĝemis, kiam li ĉi tion pripensis. Kaj poste li transiris al la ĉapitro: »barbeto«. Kial — Thomas nun sin demandis — mi lasis kreski mian barbeton antaŭ multaj multaj jaroj? La respondo al ĉi tiu demando estis trovebla en la sama direkto kiel al la antaŭa: estis ĝia senpera daŭrigo. Mi lasis kreski mian barbon, meditetis Thomas, ĉar tiam, en miaj studentaj jaroj, mia forta barbkresko tion ebligis, dum tio ne estis ebla al miaj samjaruloj. Per tio mi kaptis la ŝancon por montri min, inter samaĝaj homoj, escepte *vira*. Ankaŭ el ĉi tiu kialo malmulte postlasis la dento de l' tempo. Thomas ankoraŭfoje ekĝemis, kiam ankaŭ ĉi tion li pripensis. Tute kontraŭe nun prefere urĝus — post ĉiuj ĉi meditoj Thomas ankoraŭ ĉiam estis tridekseppjara — fariĝi iom pli juna.

Sed tamen li ne ankoraŭ tuj efektivigis tiel radikalan senarbarigon. La sekvoj... Li fariĝus, eble, pli juna; sed li fariĝus eble ankaŭ pli malbela. Kiel aspektus lia vizaĝo sen barbo? Dum ĉiuj ĉi meditadoj Thomas estis veninta hejmen. Li ekstaris antaŭ la spegulo, kun poŝtuko premita kontraŭ sia mentono. La facile supozebla konkludo estis, ke li aspektus kiel haremvirino. Sed Thomas, kiu ne estis tute malsaĝa, malfidis konkludon, en kies estiĝo lia poŝtuko evidente ludis tro grandan rolon. Sed ĉu tamen estos ebla alia, pli bona provo? »The proof of the pudding is the

---

lingvo: »Mi estas inĝeniero Antoni Grabowski. En la broŝuro de D-ro Esperanto mi ellegis vian adreson...« La koro de la juna kuracisto ekbatas pli forte. Jen venis la unua homo, kiu parolis en lia lingvo, en lia nova lingvo!... Kaj kion diris tiu unua pioniro en tiu historia momento de unua esperantlingva interparolo? »SEN LITERATURO VIA PROJEKTO NENIAM FARIĜOS LINGVO!«

Kaj tiu ĉi klasika frazo de Grabowski estas kvazaŭ la signalo por la unuaj pioniroj kaj poetoj. Grabowski, la poeto, Kabe, la stilisto kaj multaj aliaj komencas konstrui sur la lingva fundamento de Zamenhof la Esperantan literaturon, formas kaj pliriĉigas la lingvon. Al la unuaj poetoj kaj verkistoj ni dankas, ke Esperanto fariĝis vivanta lingvo! Verkoj kiel »Sinjoro Tadeo« de Mickiewicz-Grabowski aŭ »La Faraono« de Prus-Kabe restos eternaj modeloj por venontaj generacioj de Esperantaj poetoj kaj verkistoj!

En tiuj ĉi krizaj tempoj, kiam ankaŭ en nia movado regas disputoj, malkontento, rezignemo, en tiaj momentoj aperas sur la filmekrano de la historio la plej brila bildo el la vivo de nia Majstro Zamenhof: la jaro 1905! La unua Esperanta kongreso en Boulogne sur Mer! Mi vidas la vastan feste ornamitan salonon de la teatro. Mi vidas kiel feste vestitaj homoj sidas en la salonego, kiel ili staras en la koridoroj, sur la balkonoj, sur la placo antaŭ la teatro. La muziko de la nova lingvo flugas de buŝo al buŝo. Kaj mi vidas la malaltan modestan figuron de la Majstro. Pri kio li sonĝis kiel knabo, por kio li oferis la plej bonajn jarojn de sia juneco, tio komencis efektiviĝi en Bulonjo...

»Mi salutas vin, karaj samideanoj, fratoj kaj fratinoj el la granda tutmonda homa familio, kiuj kunvenis el landoj proksimaj kaj malproksimaj, el la plej diversaj regnoj de la mondo, por frate premi al si reciproke la manojn, pro la nomo de granda ideo, kiu ĉiujn nin ligas...«

Jes, enviindaj estas vi, malnovaj pioniroj, kiuj povis travivi tiujn momentojn, kiuj vi povis vidi kaj aŭdi la Majstron kaj amike premi lian manon!...

Sed rigardu: el tiuj multkoloraj bildoj de la historio la tekniko konservis malgrandan fragmenton. La stranga sorto favoris nin. Unu mallonga sceno, mallonga filmo restis por la venontaj generacioj. Sur tiu ĉi ekrano ekaperos nun la kara figuro de la mortinta Majstro. La poeto de Bulonjo el la jaro 1905 staros antaŭ vi kaj deklamos el la »Fundamenta Krestomatio« la neaŭdeblajn vortojn de la himno. Ankaŭ li, la unua poeto en Esperanto rolos inter la vivantaj verkistoj kaj poetoj.

Multaj, multaj venas al ni, multaj iras de ni... Sed ni verkistoj ankoraŭ havas unu esperon, unu malgrandan esperon: ke tiu kiu penetris foje pli profunden en la spiriton de la lingvo, kiu ekflugis kun ni en la paradizon, en la fabelan landon de la Esperanta poezio, kiu paŝis sur la multkoloraj flortapiŝoj teksitaj de l' poetoj, kies koro ektremis kaj ekbatis pli forte ĉe la sonanta bronzo de la sorĉa Esperanta vorto, kies tempiojn tuŝis la juna freŝa vento de nia literaturo — ke tiu ne forlasos nin tiel rapide...! Ke tiu restos fidela!! Ke li kantos kun ni la kanton, kiun kantis la poeto de Bulonjo:

»Ni inter popoloj la murojn detruos,
Kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos
Kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
Ekregos sur tero!«

eating of it«.*) meditis Thomas. Kia mondo de dezirplena atendo kaj timo povas sin kaŝi en tia simpla proverbo!

»Se mi igos razi mian barbon«, rezonadis Thomas en la soleco de la edzin-forlasita domo, kie la pensoj dolĉe ŝvebis en la silento, kiel fumnubetoj en senventa atmosfero, — mia mentono montriĝos. *Kia* estas mia mentono? Mi kredas, jes — mi kredas, ke mia mentono estas tro mallonga. Mi havas tro dikan kapaĉon; kiu bezonas plilongigilon... Almenaŭ...

Sed — liaj pensoj plue drivis — se mi razigos mian barbon kaj lipharojn, videbliĝos ankaŭ mia buŝo. Kaj mia buŝo estas bona, tre bona... Kaj subite Thomas, kiu — kiel eble tio jam iom montriĝis — estis iom vanta, almenaŭ ne tute indiferenta pri sia aspekto — subite ekmemoris dirajon de amiko el sia unua, kaj nura, senbarba studentjaro. Tiu amiĉjo diris: »Mia onklino Clémentien diras, ke vi ĝuste havas buŝon por fariĝi amata de ĉiuj knabinoj.« Diable, diable, pensis Thomas, tion diris onklino Clémentien; mi ankoraŭ scias tion precize. (Tiajn aferojn li ĉiam sciis »ankoraŭ precize«.) Nu, envere, Kees rakontis tion kun ia moka malestimo, sed jen kio estas ja ĝuste la plej rava en tia okazo. Diable, diable, se tiu onklino Clémentien tion tiel rimarkis, ja tiu buŝo mia verŝajne estas okulfrape bona. Hm — do la afero statas jene: Buŝo kontraŭ mentono. Buŝo por razi, mentono kontraŭ razi. Jes, tiel estas. Ĉar mi ne povas pro la buŝo forrazi miajn lipharojn, kaj lasi la barbon pro kontraŭmentona vidpunkto. Ekstremokaze tio estus ebla, se mi povus havi plenan barbon, kvankam tio estus sufiĉe Krügersimila; sed kun mia pinta barbeto — kiu ne rapide kreskas, kaj neniam fariĝos plena barbo — ne!

Mi kredas, ke mi nur devas decidi. Ĉar ankaŭ tiu barbeto mem ne estas perfekta. Nepre estas io komika en ĝi alie — vere, ne tre malofte — la stratbuboj ne krius kelkfoje al mi: »Bé, bé«, nek tiu impertinentulo la antaŭan semajnon: »Mi gardos la terpomŝelojn por vi...« Nu, jes, tio neniel tuŝas min, sed tamen pruvas, ke estas io nebona en la barbeto.

»Do« — Thomas, kiu estante tute mastro en la domo, kuŝis sur tri seĝoj, sin levis kun la sento de historia momento, kaj kun energia kapjeso li diris al si mem: »For la barbon!«

Tiam Thomas ekpaŝis al la frizisto ĉe la stratangulo, kie li estis kliento.

### III.

Antaŭ ol eksidi en la frizista seĝo, Thomas sin turnis al la helpanto, kaj diris:

»Mi volas liberiĝi de la tuta afero; de mia barbo kaj miaj lipharoj; de ĉio.

Tio estis tiel klara, ke la klareco povus ŝajni troigita. Sed Thomas volis troigitan klarecon, ĉar li ne deziris longan konversacion kun la helpanto, kiu, se tio ne estus tiel klara, emus plu demandi, aŭdeble al ĉiuj prilaborataj razklientoj; plu demandi kun nekredema, eble moka vizaĝo. Ĉar Thomas, kiu ne estis tute indiferenta pri sia aspekto, same ne estis tute indiferenta pri la impreso de sia konduto.

La helpanto sentis pro la iom incitita koncizeco — frizisthelpantoj estas, post la pastroj, kaj kun la kelneroj, la plej grandaj homkonantoj — ke li devas ne multe kaj precipe ne kritike reagi. Li do nur diris, interesite: »Ho, sinjoro«, kaj sin turnis al la ŝranketo kun la proprajoj de Thomas. Thomas eksidis decideme

*) La provo de pudingo estas manĝi ĝin.



Labat — *Dimanĉaj ciklistoj*

kaj kun ia provoka digno. Tiam la afero komenciĝis.

La helpantc — li nomiĝis, aŭ pli ĝuste: li nomiĝas Piet — sapumis Thomason. Tute normale, tiel ke Thomas jam iom timeme ekdubis, ĉu Piet bone lin komprenis. Sed li ne volis senbezone rekomenci ĉion. Piet razis. La animo de Thomas atendis. Dume liajn okulojn trafis lia bildo kun la barbo. Ankoraŭ kun la barbo. Li kvazaŭ trinkis tiun vilaĵon kun tia apetito, kun kia trinkas homo kondamnita al dieto sian lastan glason da biero.

Nun la helpanto prenis la tondilon. Kaj permesis al si, por ununura atesto pri la neordinareco de la afero, tondi kelkfoje en la aero; signifoplena antaŭludo. Tiam li ektondis maldekstre en la barbeton; tiam li tondis dekstre en la barbeton. La ornamaĵo de kvarona homekzistado estis falinta.

Li plue tondis. Kio estis barbeto, fariĝis stoplaro, kio estis lipharoj fariĝis stoplaro. El la spegulo Thomason kontraŭrigardis fremda viro.

La mastro, kiu mem ne razis, nur havis la administron super la butiko kaj la »salono«, hazarde envenis. Li rigardis la fremdan viron en la spegulo: li rigardis la nomplaton de la ŝranketo de Thomas. Li diris: »Kion vi nun komencas, sinjoro Thomas?«

Thomas trovis plej bone, nun al la mastro, trakti la aferon komforte. Li respondis bonhumore sed brave, kaj ne sen akcenteto de digno; — kio signifis, ke li, kvankam li faras ion strangan, tamen, per la diablo, ne estas idioto, pri kiu oni povas ridi; sed sinjoro, kiu faras petolaĵon, rigardendan de ĉiu afable kaj estimplene. Li diris: »Mi foje eksperimentos kun kalva vizaĝo. Tio ŝajnas al mi pli agrabla kaj facila, kaj se al mi ne plaĉos, nu, mi simple ree lasos kreski la aĵon.«

»Tje«, langklakis la frizisto, kiu pli atentis la vizaĝon de Thomas ol liajn vortojn — »Vi strange aspektas. Kion ja diros via edzino, kiam ŝi vidos vin tia!«

Laŭ la sento de Thomas — kiun ni ja ekkonis kiel ne tute indiferentan pri la impreso de sia konduto ĉi tiu rimarko iomete transpasis la limojn, kiuj laŭ lia opinio apartigas friziston kaj frizaton. Li nur aristokrate ridis, kiel iu, kiu la aŭditan rimarkon rigardas amuza folklora simptomo kaj diris post kelkaj momentoj, kun digna neglektemo:

»Jes ja — por mia edzino ĝi estos granda ŝanĝo.«

Kiam li sin aŭdis tion diri, li rimarkis, ke ankaŭ ĉi tio ne estas la ĝuste bona respondo.

IV.

Tia estis la ago. Aparte zorga prilaborado de la senarbarigitaj regionoj per aluno; vigla spruĉigado per forta vinagro ankoraŭ apartenis al ĝia perfektigo. Tiam Thomas venis al la stadio de la sekvoj. Tiuj estis multaj, kaj el tiuj multaj estis kelkaj, kiuj estis gravaj.

Kompreneble ne estis grave, ke la frizistedzino, paradanta post la magazentablo kun kapo bele frizita kvazaŭ por kortega balo, ne rekonis lin, kaj respondis lian klientsaluton kun rezervo kaj miro. Iom pli grava ŝajnis fariĝi la afero, kiam en la loka poŝtoficejo li volis akcepti monon por poŝtĉekkonto je la nomo de sinjoro Thomas; kaj la oficisto, kiu diable bone konis sinjoron Thomas, suspekte fiksis la rigardon sur la senbarban knabon, kiu sin prezentis kiel sinjoro Thomas.

V.

Kun tiuj ĉi akiritaj spertoj sinjoro Thomas iris la sekvan matenon al sia oficejo. Trifoje li renkontis

## Ĉa rideto

**Printempbalado**

**— Anton Wildgans —**

Jen kia estas homkutimo:
Zorgadi pri morgaŭa tag' kun timo —
Dum blinda restas la malriĉa kor'.
Ĝardenojn belajn oni preteriras
Kaj arbojn ekflorantajn ne admiras.
Eterne la animoj plenas je dolor'.

Ke pro miraklo ĉio renoviĝis,
Pordegoj malnovegaj disŝoviĝis,
De kie sonas nun infana rid' —
Ke en aero cigareda fumo,
Oranĝodoro ŝvebas kaj parfumo
Dum preterpasas iu belulino kun rapid'

Ja ĉion tion oni ne eksentas,
La lacajn laboristojn ne atentas,
Laŭ stratoj hejmirantajn dum vesper'.
Ne vidas junulinojn, kiuj tremas,
Ĉar nun iliajn vangojn palajn premas
Printemp-sopiro, plena je danĝer'...

En mia viv' mi malsanulon sciis,
Plu lia korpo, pensoj ne funkciis,
Sed tamen sana estis la anim' —
Rideti tiel kore li scipovis
Pro sunradi' printempa, kiu trovis
Al li la vojon el la malproksim'.

Rideti povis li pro flor' plej eta,
Kaj ĉi ridet mirinda kaj kvieta
Vivigis la okulojn por moment':
Scipovis plori li pro kantosonoj,
Ĝu-spiri, kiam de siringburĝonoj
Salute bonodoron portis vent'.

Abundis liaj larmoj kaj rideto
Je ĉi mirinda, dolĉa kor-kvieto,
Mankanta al la sensentema kor'.
Mi lian manon en la mia tenis,
Herede la rideton prenis
De lia pala buŝo dum la mortohor'.

Mirigas tial min ĉi homkutimo:
Zorgadi pri morgaŭa tag' kun timo,
Dum blinda restas la malriĉa kor'.
Ĝardenojn belajn oni preteriras,
Kaj arbojn ekflorantajn ne admiras,
Eterne la animoj plenas je dolor'.

El la germana: *Hilda Dresen*

nerekonantan konaton. La sento ne esti rekonata ne estis tre interesa per si mem; sed tamen en tiuj renkontoj estis io, kio frapis Thomason. Nome, kiel strange estas, kiam vizaĝoj, al kiuj vi vin turnas kun afableco, kaj kiuj, kiel vi atendas laŭ la kutimo de jaroj, devas renkonti vin kun la sama inklino, subite estas eliĝintaj el la interrilata kuneco. Estis tia sento, kian oni havas, kiam oni, jam suprenveninte, erare pensas, ke restas ankoraŭ unu ŝtupo por suprenpaŝi; estis kvazaŭ psika spegullabirinto; estis, kiel se oni, ridinte kaj petolinte al iu en la apuda ĉambro, rimarkas, ke tiu evidente jam de longe ne plu estas tie... Sed krome ĝi estis: frostiga. Thomas vidis la vizaĝojn, sed ili ne vidis lin. Eble mortinte oni glitos tiel, nerimarkate, preter siaj

vivantaj amikoj... Amikoj kiujn oni subite rigardas alie, rigardas kiel fremdulo; pro tio ke ili kiel fremduloj preterpasas.

Tiam Thomas venis al la oficejo, al la kasistoficejo, kie li iam ricevis lokon kiel juna juristo, post la seniluziiĝo de advokatidealismo, kaj kie li nun estis prokuristo, kune kun la maljuna Wensma.

Enirante, Thomas ekhavis la ideon nun foje esti sprita. Li evitis la ĉambron, kie ĉiuj malpli altaj akto-dioj laboris ĉe la longa tablo, kaj frapis la pordon de la oficejo de la »altuloj«, inter kiuj altuloj ankaŭ Thomas rajtis sidi.

»Envenu«, vokis la premita sensona voĉo de la maljuna Wensma.

Thomas malfermis la pordon. Iom timeme — kun la senbarbeco ŝajne li akiris ankaŭ aliajn aktorajn ecojn — li enpaŝis, fermis post si la pordon kun la iom kompleza sinteno de oficaspiranto, faris malgrandan riverencon al la grizbarbetulo kontraŭ li, kaj diris: »Pardonu, vi verŝajne estas sinjoro Wensma?«

»Jes«, tiu diris, iom konfuzita pro la kombino de bone konata voĉo kaj nekonata vizaĝo...

»Mi nur venas momenton por diri al vi en la nomo de mia frato — tiu estas sinjoro Thomas — ke li nepre ne povas veni al la oficejo hodiaŭ.«

»Ah,« demandis la maljuna Wensma konsternite, »ĉu via frato estas malsana?«

»Jes«, diris la frato de Thomas, »li fakte estas operaciita.«

La vortkombino estis iom stranga, sed la enhavo estis tiom agitiga, ke la strangeco per tio ne rimarkiĝis.

»Opera...??« Sinjoro Wensma terurite rigardis la junan sinjoron Thomas.

»Jes, vidu, sinjoro Wensma, mian fraton tre ĝenis... har-doloro, kaj sciu do... por iom malpliigi tion, li igis forpreni parton de sia hararo!« Kaj ĉar ŝajnis, ke Wensma ankoraŭ ne komprenas, Thomas iris al li, etendis al li la dekstran manon, tenis la maldekstran antaŭ la loko, kie iam estis liaj lipharoj kaj barbo, kaj ridis: »Kaj vidu, tial mi ja faros lian laboron hodiaŭ! Li precize sciigis min pri ĉio!«

## VI.

Sed ĉio ĉi estis nur antaŭludo. Fakte la nura grava venis, kiam venis la edzino de Thomas, kiun li atendis kun certa timo. Li ne avertis ŝin. Kia ŝi trovos lin? Kiel antaŭ ol decidi pri la razoperacio li tiom zorge pripensis la eblajn sekvojn, same kompreneble ankaŭ post tiu prilaborado, li penis fiksi la valorkurzon de sia aspekto. Li trovis sian buŝon bona, kvankam li ne povis konsenti kun la tro favora prijuĝo de onklino Clémentien; kaj sian mentonon tro mallonga, koniganta al la mondo lian mankon de energio, kio estis perfekte pravigita de liaj tro dikaj vangoj. Certe, li estis malbeliĝinta; kaj li lernis taksi la valoron de lipharoj kaj barbo kiel mizerkaŝon. Malice li pensis: tion virinoj ne havas! Finfine li povus lasi ĝin kreski, kiam ajn li volus. Sed ĉu li faros tion? Ĉar li ja estis pli malbela, sed ankaŭ pli juna. Estante ne tute indiferenta pri la impreso de sia konduto, li tion bone rimarkis per la mieno de la knabinoj, kiujn li renkontis sur la strato. Nu jes, la impreso, kiun li faris, ne estis imponega, sed almenaŭ ia impreso estis konstatebla. Viro kun aĝimpona barbo kaj lipharoj estas ekster konkurso; senbarba knabo, tiu estas almenaŭ momenton ekzamenata de la virgulinokuloj. Do, se lia edzino ne ŝatus lin, nu ba!, pensis Thomas — ĉar la konscio pri juna



Darell — *Pejzaĝo*

# Bona reĝo kaj sentima soldato

— A. Vachek —

Reĝo Ondro XVII. eldonis la jenan severan ordonon:

»Laŭ paragrafoj 798 kaj 965 de la ŝtataj leĝoj, estas malpermesite kaj punote, uzi dum veturado tra la ĉefa reĝa strato de nia reĝurbo sirenojn, fajfilojn aŭ trumpetojn aŭtomobilajn.«

Tiu ĉi reĝa reskripto estis eldonita laŭ la deziro de reĝino Kunigunda, kiu ne povis plu jam toleri la bruon.

Post la eldono de ĉi tiu ordono, la kripligoj kaj vundadoj, kaŭzitaj de aŭtomobiloj, dekobliĝis. Tiu katastrofa plimultiĝo de akcidentoj okazis plejparte en la ĉefa reĝa strato.

Sekve de tio, reĝo Ondro XVII. eldonis pluan ordonon:

»Laŭ paragrafoj 798 kaj 965, kune kun la nro 1648 b., d., Ni pliakrigas la malpermeson, uzi en la Reĝa strato sirenojn, fajfilojn aŭ trumpetojn aŭtomobilajn, aldonante, ke en la nomita strato estas malpermesite ankaŭ veturi kun rapideco pli granda ol 8 km. hore.«

Sed la reĝa aŭtoritato estis, bedaŭrinde, en dekadenco. Reĝino Kunigunda iĝis pli kaj pli nervoza kaj el la policaj raportoj evidentiĝis, ke la progresantan malsanon de Ŝia Reĝina Moŝto kaŭzas plejparte altrangaj ŝtataj oficistoj, kiuj tute ne atentas ŝtatajn ordonojn, veturante tage kaj nokte tra la reĝa strato kvazaŭ tra tute ordinara ŝoseo, uzante superflue sirenojn kaj trumpetojn.

Reĝo Ondro XVII. furiozis.

Kaj vere, estis grava kaŭzo por koleri. Ĉar reĝino Kunigunda minacis forkuri al siaj gepatroj, se la malbonaĵon oni ne forigos. Kaj tiu ĉi eventuala forkuro ne estis bagatelo, ĉar la reĝo per la geedziĝo ricevis de sia edzino kiel doton du duklandojn kaj keston da amerikaj akcioj.

»Io devas okazi«, diris la reĝo, irante »inkognito« trarigardi la reĝan straton.

»Io devas okazi!« — ekkriis la reĝo minace, vidante la aŭtomobilon de la polica prezidanto veturi per pli ol 70 km. hore, kaj estante superŝprucita de koto kaj duonsurdigita per korŝira bleko de itala fajfilo, ĉar la polica prezidanto veturis en aŭto de FIAT.

»Mi devas ion fari kontraŭ tio«, ekĝemis la reĝo, vidante sian kortegan ceremoniestron, kiu per sia aŭto faligis militinvalidon kune kun lia gurdo.

»Soldataro! Jes, soldataro! Jen la sola elemento, kiu min ankoraŭ respektas, kaj sentas devon obei. Soldataro devigos la homojn respekti kaj obei miajn ordonojn.«

— — — — — — — — — — — —

»Nu, tio estas tre bela kaj tre edifa«, diris reĝo Ondro XVII., »sed ŝajnas al mi, ke la plenumigo de miaj ordonoj kaŭzas pli da bruo, ol ilia malatento.«

---

aspekto tuj reflektas junecajn frivolajn ideojn al la interno — tiam ankoraŭ estus aliaj!

Sed tiuj senbarbaj pensoj estis for, kiam en la krepuska posttagmeza horo li atendis ĉe la stacidomo ŝian vagonaron. Tiam nur estis la espero, la necerta, tima espero, ke ŝi... Ĉar tamen estis tiel ege agrable, ke ŝi revenas, kaj, ho ĉielo, se eble ŝi estus konsternita pri li; trovus lin teda kaj bulsimila; se la nudiĝinta eksteraĵo eble klarigus al ŝi la erarojn de lia interno — ĉar li *estis* senenergia! — kaj se ŝi...

La vagonartondrado veturis rompe tra ĉi tiuj supozoj. Thomas ekstaris ĉe la barilo. Rigardis, rigardis — nun sinforgese... Jen ŝi estas! Kun koraj okuloj li ŝin rigardis; kapsalutis, svingis la manon...

Kaj ŝi...

Momenton ankaŭ ŝi rigardis lin; tiam maltrankvile ŝiaj okuloj vagis for de li. Kaj Thomas vidis, ke ŝi ruĝiĝas pro ektimo. Optimisto povus ĝin nomi ankaŭ »surprizo«.

Ŝi restis nekuraĝe forrigardanta, kiam ŝi estis ĉe la barilo. Thomas sentis kunpremiĝi sian koron. Silente — kaj forrigardante — ŝi venis al li. Li prenis ŝian valizon. Kiel kondamnito, tiel malfeliĉa li kondukis ŝin al la atendanta veturilo. Kiam li diris al la veturigisto sian adreson, lia propra voĉo sonis al li fremda.

Unu apud la alia ili sidis en la kupeeto; la valizo sur la malgranda benko kontraŭ ili. Kaj ili silentis.

Tiam Thomas diris:

»Infanjo, nu, donu kison al mi. Ĉu vi trovas, ke mi tiom idiote aspektas?«

Ŝi klinis la kapon, obee sin lasis kisi. Thomas rimarkis, ke ŝiaj okuloj estis fermitaj. Kiam li fortiris sian kapon de ŝia vango — stratbubo enrigardis spione — ŝi momente suprenrigardis, sed tuj, timeme mallevis la okulojn, kaj ruĝiĝis.

»Infanjo«, ree diris Thomas, »Ĉu vi trovas ĝin tiom malbela? Mi nur volis ĝin provi. Lieske! Se vi trovas ĝin malbela, mi ja povas ĝin lasi ree kreski. Post kelkaj semajnoj mi ree estos kia antaŭe.« Li prenis ŝiajn manojn, kaj, forturnante la kapon, ŝi diris: »Kiam mi aŭdas vian voĉon, ĉio estas la sama, sed kiam mi«... — momenton ŝi levis la okulojn...

»Dio«, ŝi plende diris, kaj kun ektimo — »mi tiom hontas... tia fremda viro... Mi neniam alkutimiĝos al ĝi...«

»Sed infanjo«, li denove parolis al ŝia oreleto, oblikve direktata al li, »tio ja ne necesas, mi povas ĝin lasi kreski. Sed tamen estas *mi!* Mi ne komprenas, ke vi tiel...«

»Ne estas mia kulpo,« — la sono de ŝia voĉo ŝajnigis kvazaŭ ŝi devus venki larmojn. — Sed mi tiom sopiris al vi; kaj nun...«

»Nun vi foje vidas min en mia vera formo«, li provis ŝerce. »Nu pupo! Vi tamen amas min, kaj ne tiujn tufetojn da haroj!...

»Jes« ŝi diris ankoraŭ ĉiam kun forturnita kapo — »sed vi estas tiel fremda...«

»Nu bone,« li trovis, »atendu momenton!« Li aperigis sian poŝtukon, tenis ĝin, haremvirine etenditan sub la nazo.

Ŝi rigardis, duone, unue ne kuraĝante; tiam subite kun ravata surprizo: »Jes! *Nun* estas vi!« ŝi kriis kaj kisis lin sur la vangoj, ankoraŭ kaj ankoraŭ.

VII.

Sed Thomas ne respondis ĉi tiun kareson. Li estis silenta. Li meditis. Meditis pri »amo kaj ekstera aspekto«. Kio estas tro komplikita afero por esti plu esplorata ĉi tie.

El la nederlanda: *May Bijleveld.*

Zorgplene li rapidis en la ĉambrojn de sia edzino.

»Ĉu al vi ne ŝajnas« li demandis zorgoplene la reĝinon, »ke ekstere estas eĉ pli da bruo?«

La reĝino, rigardante lin ironie, ĉesis ludi la edziĝmarŝon de Mendelssohn kaj respondis: »Ho, tute ne!«

»Ĉu vi ne aŭdas, ke oni pafas?, demandis la reĝo.

Ŝi rigardis lin desupre, dirante: »Al vera reĝa sango, pafado neniam ŝajnas bruo. Ĝi estas kiel spirado.«

Dum posta, mallonga, tempo, la reĝa aŭtoritato estis de ĉiuj rekonata.

Post kelkaj tagoj reĝo Ondro XVII. veturis mem per aŭto signita per reĝa krono, kaj en la reĝa strato, veturante kun rapideco de 60 km. hore, li uzis la reĝan trumpeton.

Pafo de gardanta soldato en la pneŭ-radon de l' reĝa aŭto devigis la reĝon halti.

La soldato rektiĝis kiel kordo kaj salutis.

»Ĉu vi scias, kiu mi estas?«

»Jes.«

»Do?«

»Vi estas Reĝa Moŝto Ondro XVII., grandduko de...«

»Bone, sed kial vi min haltigis?«

»Ĉar mi havas la ordonon haltigi ĉiujn, kiuj veturas en la reĝa strato pli rapide ol ŝarĝveturilo, aŭ uzas aŭtotrumpeton, fajfilon aŭ sirenon.«

»Bone, sed por mi, la reĝo, tio ne validas!«

»Mi havas la ordonon, ĉiujn...« ekkuraĝis la soldato.

»Bruto! Kaptu lin!«, kriegis reĝo Ondro.

»Kaj mi opiniis...«, ĝemis la soldato, dum la ĝendarmoj lin trenis.

»Kion vi opiniis?«, demandis kolere la reĝo.

»Ke mi estos premiita pro la perfekta plenumo de l' ordonoj, kaj ke pri mi oni skribos en la infanaj legolibroj.«

»Tri jarojn da severa karcero pro grava ofendo de reĝa majesto«, ordonis la reĝo.

— — — — — — — — — — — —

La soldato nomiĝis Jaromiro.

Kiam oni liberigis lin post tri jaroj, oni komunikis al li, ke ankoraŭ tri jarojn li estos sub polica observo. Post tiu ĉi sciigo li rapidis al sia familio. Lia filo dume jam iradis lernejon.

»Paĉjo«, diris foje la knabo, »ni havas en la nova legolibro belan rakonteton.«

»Do, legu.«

»Foje«, legis la knabo, »elveturis la reganta reĝo Ondro XVII. aŭtomobile en la reĝan straton de sia reĝa urbo. Sed tie estis malpermesite veturi rapide kaj uzi avertajn ilojn bruajn. Tio estis ordonita de la reĝo mem, por ke li ŝirmu la regatojn kontraŭ troa bruo.

Lia Reĝa Moŝto pensis jene: tie ĉi deĵoras soldato, zorgante, ke la bonfara leĝo estu plenumata; mi provu, ĉu la soldato kuraĝos gardi la leĝon eĉ kontraŭ la reĝo. Kaj li ordonis, ke sur la aŭtomobilo troviĝu malproksime videbla reĝa flageto kaj ke oni veturu pli rapide ol estis permesite kaj oni uzu la grandsonan trumpeton.

Kaj post mallonga momento ekĝojis la koro de la reĝo.

La soldato tuj haltigis la reĝan aŭtomobilon kaj respektplene salutis lian reĝan moŝton, kiu, vidinte ke li estas rekonita, elpaŝis el la veturilo.

Irinte al la soldato, li diris: »Mi estas via reĝo.«

»Mi scias«, respondis la soldato, tremante de feliĉo.

»Kaj kial vi min haltigis?«

»Laŭ la ordono, via reĝa moŝto.«

Aŭdinte tion, la reĝo pagis la ordonitan punpagon, donacis al la soldato ringon kun la reĝaj inicialoj kaj, frapetante lian ŝultron, diris: »Pro tio, vi, bravulo, meritas, ke pri via modela plenumo de ordonoj sciu kaj legu la junularo, lernante de vi.«

Jaromiro ekridetis kaj pensis:

»Do, vidu, tamen mi penetris en la legolibrojn.«

Kaj li demandis la fileton: »Kio estas la titolo de la rakonteto?«

»Bona reĝo kaj sentima soldato.«

El la ĉeha: *Fr. Kudrna.*

## AFORISMOJ

— *La fraŭlo enuas ĉie, la edzo nur hejme*
Alexandre Dumas p. j.

— *Kontraŭ la nejusta juĝo de la kunvivantaro oni rajtas apelacii ĉe la postvivantaro kiel ĉe pli alta instanco, sed kontraŭ ĉiu jurkutimo nur tiam, kiam oni estas pasiginta la vivdaŭran punon.*
Ludwig Fulda

— *La homo devanta morti egalas al aktoro, kiu neniam sciiĝos, kia estas plue la teatraĵo, en kiu li mem kunludis unu akton.* Ludwig Fulda.

— *En la scienco ni ĉiuj similas al infanoj, kiuj tie kaj tie suprenprenas silikon, dum la vasta oceano de l' nekonata etendiĝas antaŭ niaj okuloj.*
Isac Newton.

— *La historio ĉefe instruas, ke la homoj ne volas lerni laŭ ĝi.* Hegel.

— *La penso estas la ŝtelanto de l' vivo.* Hebbel.

— *Filozofadi estas lernadi morti.* Montaigne.

— *Bona societo devas esti pli granda ol la nombro de la Gracioj, plimalgranda ol la nombro de la Muzoj. (3, 9)* Varro.

— *Du aĵoj ĉiam denove pleniĝas min je respekto: la stelara ĉielo super mi kaj la morala leĝo en mi.* Kant.

— *La cerbo estas la utero de l' spirito.*
De la Mettrie.

— *Bestoj satiĝas, la homo manĝas, nur la homo de sprito scias manĝi.* Brillat-Savarin.

— *La homojn priridu neniu krom kiu vere amas ilin.* Goethe.

— *Ekzistas nek arto patriota nek scienco patriota.*
Goethe.

— *Kiu ne apartenas al la popolo, kaj kiuj estas ĝiaj malamikoj? — Ĉiuj, kiuj ne sentas mizeron!*
Richard Wagner.

— *Mi tute ne volas malaserti la efektivecon de la amo. Kontraŭe mi opinias ĝin malutilo de la societo kaj de la individua feliĉo de la homoj. Laŭ mia konvinko ĝi kaŭzas multe pli da malbono ol da feliĉo, ... eĉ estus bonfaro inda je bona diino liberigi la mondon de tiu malbonaĵo.* Napoleon Bonaparte.

— *Ĉiu homo, kiu ne estimas sian propran vivon, estas sinjoro super la vivo de aliulo.* Montaigne.
**(Walter Lippmann)**

# Poeto Firduzi

— H. Heine —

I.

Oraj homoj, arĝenthomoj!
Se tomanon trampo diras,
temas sole pri arĝento,
pensas ni arĝent-tomanon.

Sed en buŝo de regnestro,
de la ŝah', tomano estas
ĉiam ora; ŝah' ricevas,
donas sole or-tomanojn.

Tiel pensas bonaj homoj,
tiel pensis mem Firduzi,
la verkinto de la glora,
adorata Ŝah Nameh.

Li ĉi grandan herokanton
skribis laŭ la vol' de l' ŝaho,
kiu ja promesis pagi
ĉiun verson per toman'.

Deksepfoje floris rozo,
deksepfoje velkis ĝi,
kaj la najtingal' ĝin kantis
kaj mutiĝis deksepfoje,

Dume sidis la poeto
ĉe l' teksilo de la penso
tage nokte, kaj li teksis
pri l' giganta kant-tapiŝo,

pri l' tapiŝ' giganta, kie
li mirinde interteksis
de l' patruj' fabelkronikon,
la prareĝojn de Farsistan,

korheroojn de l' popolo,
kavalirojn, aventurojn,
kaj demonojn kaj magion,
multe da fabelaj floroj:

ĉion freŝa kaj vivanta,
brileganta, flora, fajra,
kaj ĉiele radianta
de la sankta lum' Irana,

de l' pralumo dia, pura,
kies lasta fajrotemplo
malgraŭ la Koran' kaj Mufto
en la kor' poeta flamis.

Kiam finis li la kanton,
sendis al patrono sia
la poet' la manuskripton,
sume versojn ducent mil.

Tio estis en banĉambro,
en la banoĉambr' en Gazna,
ke la nigraj kurieroj
de la ŝah' Firduzin trafis;

ĉiu monosakon trenis,
kaj, genue, ĉe l' piedoj
de l' poeto metis, kiel
honorpagon de l' poem'.

La poet' la sakojn ŝiris
haste: ĝui la delonge
malhavatan oraspekton!
sed rimarkis konsternite,

ke enhavas tiuj sakoj
blankarĝentajn, nur arĝentajn,
ĉirkaŭ ducent mil tomanojn.
Kaj amare li ekridis.

Kaj kun rid' amara nun
tiun sumon li dividis
en tri samajn partojn kaj
li al ambaŭ kurieroj

donis kiel kurierpagon
po triono kaj la trian
donis al la banservisto
lin zorginta, por trinkmono.

Tiam prenis vojbastonon
kaj forlasis li la urbon;
antaŭ la pordeg' li skuis
polvon for de siaj ŝuoj.

II.

Se li home ordinare
sin ne tenus al promeso,
rompus vorton per forgeso,
ne kolerus mi amare.

Sed ne povas mi pardoni
ke li volis trompi min
per dusenco de l' termin',
kaj min per silent' friponi.

Digna estis la figuro
laŭ vizaĝo kaj laŭ gesto,
rara estis la majesto
vere reĝa la staturo.

Li min alrigardis flame
kiel sun' en ĉielsfero,
kaj fiera vir' de Vero,
li mensogis al li tamen.

III.

Ŝah' Mohamed, post manĝ' festena,
nun estas en humor' serena.

En krepuska ĝarden', sur purpura divan'
Li sidas ĉe l' ŝpruce freŝiga fontan'.

Servistoj mienojn respektajn faras,
la favorato, Ansari, ĉestaras.

El marmorvazoj ŝprucas koloroj
de fajraj, volupte riĉaj floroj.

Kaj kiel odaliskoj ĉarmaj
ventumas sin sveltaj arboj palmaj.

Cipresoj, senmovaj ĉe l' ventĉeso,
ĉielon revas en mondforgeso.

Sed laŭtas subite liuta son'
Kun milda misterplena kanzon'.

Sub sorĉ' leviĝas la regant':
»Kies la teksto de tiu kant'?«

Ansari al kiu demandis li, donis
Respondon: »La versojn Firduzi komponis.«

»Firduzi?« konfuze la princo ekkrias,
»Do kion pri la granda poeto vi scias?«

Ansari respondas: De temp' longdaŭra
li vivas en mizer' bedaŭra,

en Thut, patrurbo de l' poet',
en sia eta ĝardenet'.

La ŝaho silentis longe, rigide,
kaj poste: »Ansari, mi urĝas, rapide

en stalojn! Elektu! Metu la selojn
sur cent azenojn, kvindek kamelojn,

kaj ŝarĝu ilin per ĉiu trezoro,
per kiu plezuron trovas homkoro,

per maloftajoj, multekostajoj,
per karaj kaj luksaj paradvestajoj,

per mebloj el santal' kaj ebur'
kun ora, arĝenta miniatur',

kaj per kalikoj kun anso arta,
per grandmakula fel' leoparda,

per ŝaloj, tapiŝoj kaj riĉaj brokatoj,
artfabrikitaj en miaj ŝtatoj,

kaj ne forgesu meti en pakojn
brilajn armilojn kaj ĉabrakojn,

ne manku trinkaĵoj delikataj,
ĉiaj manĝaĵoj en pot' konservataj,

kaj mandeltortoj, artaĵo konfita,
kaj mielkuko agrable piprita,

aldonu el la araba gento
dekdu ĉevalojn, vetkurajn kun vento,

kaj same dekduon el sklavoj nigraj,
korpoj el bronz', penspite viglaj,

kun tiuj belaj aĵoj, Ansari,
tuj devas vi mem la vojaĝon fari,

kaj porti ilin, kun mia salut'
al granda poet' Firduzi en Thut.

Ansari laŭ vortoj de l' Estro tuj agis,
kamelojn, mulojn li plenpakis

per honordonacoj, ja, laŭ la kosto
superaj al tuta provinc-imposto.

Kaj post tri tagoj jam, laŭ ordono
ekiris kaj en la propra persono

sub ruĝa flago de hetmano
li rajdis antaŭ l' karavano.

La okan tagon atingis la trupo
al Thut, kuŝanta ĉe montsubo.

Tra l' pord' okcidenta marŝis tie
la karavano bruege kaj krie,

kun tambursono, kornsonor'
kaj kun triumfjubila ĥor'.

La Allah Il Allah — plengorĝa kanto
jubilis el ĉiu kamelkondukanto.

Sed tra l' alia pord', oriente,
El Thut eliris ja sammomente

Funebra grupo ĉerkoporta
Por enterig' de Firduzi, la morta.

El la germana: *G. Waringhien.*



Darell — *Pejzaĝo*

# Nia bonfaranto

## Historio el la praarbaro

— Walter Brecht —

Estis sabate vespere, kaj mi sidis en la brand-butiko en Charlesbury kiu situas norde de Quibec, inter la praarbaroj de Kanado. La kolonio aĝas du jarojn kaj konsistas el kvar blokdomoj kaj unu brand-butiko, kies muroj estas el krudaj, nerabotitaj lariktabuloj, ekstere ili estas kovrataj per gudraj tegmentlamenoj.

En Charlesbury loĝas 28 animoj, enkalkulante la Dobermann-hundon kaj la kuniklon. La kanari-birdo mortis antaŭ tri semajnoj.

Post la dorsoj de la domoj la arbaro kunfermiĝas, kiel kruda, senfina, grandega pelto, disvolvita sur la tero.

Tie fluas flankbranĉeto de la Lorenz-rivero el la senfino de l' arbaroj kaj portadas la arbojn, kiujn la burĝoj de Charlesbury faligas, kaj la rivero sur sia supro portadas ilin, tra grandega terpeco, trans arbaroj, montoj kaj valoj, en la direkto de Sudo.

Peceto de veturebla vojo, kiu debranĉiĝas sudoriente de Charlesbury ĉirkaŭ dutagvetura distanco de la landstrato Vancouver-Montreal, estiĝas gracila vejneto kaj tie formortas, antaŭ la brand-butiko de Charlesbury.

La brandbutiko situas nemalproksime de la domo de Jack Pakham, kiu estis iam ĝentilhomo, sed nuntempe li faligas arbojn, same kiel ni ĉiuj. Li surmetas ĉiudimanĉe gladitan duran kolumon, havas kinoaparaton, radioricevilon, kuniklon kaj Ford aŭtomobilon kaj estas abonanto de New-Jork-Times, kiun li kutimas ricevi ĉiun jaron kvarfoje en kvaronjaraj paketoj, liveratan el Marytown. Por ke lin ne trafu iaspeca maljusto, ĉi-loke estu menciata, ke malgraŭ la tiel grandega superfluo de papero, li mendas ĉiam la plej delikatan higienan paperon, en grandaj cilindroj. Do estas nature, ke sekve de ĉio ĉi li okupas la urbestran oficon en nia urbo. En lia domo loĝas krom li ses aliaj arbofaligistoj.

Tiun vesperon pri kiu nun mi parolas, falis la unua neĝo kaj ĉirkaŭ meznokto Martin Baller vidis du lupojn. Sed tiam estis nur la oka horo vespere kaj en la butiko ĉeestis dudekkvin animoj, inkluzive la Dobermann-hundon. La franco, Napoleono Daguerret, kuŝis malsane hejme kaj oni ne povis esperi, ke Jack Pakham venos, ĉar posttagmeze alvenis la kvaronjara aŭtomobilo el Marytown, surhavante centkvindek kilogramojn da New-Jork-Times, dekkvar cilindrojn da »salon«-papero kaj unu grandan, enpakitan objekton, pri kio ni sciis nenion kaj pri kio ĉirkaŭ la sepa horo jam validis deksep vetoj. La ŝoforo de la aŭtomobilo estas ebria jam de posttagmezo kaj dormis en la kabano de Jack Pakham, kun la kuniklo sur sia kapo.

Ni, kiuj sidis en la butiko, trinkis kaj fumis, kaj kies vizaĝojn kovris hirtaj barboj, — ni ĉiuj havis ion sur la konto.

Daguerret ŝtelis antaŭ du semajnoj la kudrilarskatolon de Irene Sullivan kaj nun kuŝis hejme, ĉar hazarde defalinta lignobranĉo rompis lian ŝlosiloston.

Ankoraŭ Martin Baller, la idioto: eĉ li sciis, ke Charlesbury finfine ne estas alio, ol malliberejo enŝovita en la plejinternon de l' arbaroj por malfeliĉaj homoj, kiujn la vivo piedpremadis.

Ĉiloke estu ankoraŭ rimarkate, ke la Dobermannhundo ne havis laŭrajtan posedanton kaj neniu sciis, kiu kunportis ĝin. La multaj piedfrapoj kiujn ĝi ricevis, certe ne grasigis ĝin, sed ne estus dece ĝin lasi senmencia, kiam ni nombras la animojn.

La grandan cerbumadon ĉi vespere kaŭzis la mistera objekto, kiun Pakham portis en sian domon kun la helpo de Joe kaj lasis ĝin enpakita ĝis kiam la aliaj foriris. Fine, ĉirkaŭ la naŭa horo aperis Jack Pakham en dura kolumo kaj kravato, sed kun malpuraj, trolaboritaj manoj kaj kunportis botelon da viskio kiun li transdonis al la butikmastro, kiu estis same arbofaligisto, kiel ni ĉiuj, sed en la trinkado li tre postrestis malantaŭ ni.

La atendado kaj streĉeco kiuj tenis katene ĉiujn animojn, atingis nekredeblajn dimensiojn ĉe la alveno de Jack kaj esprimiĝis en ĝenerala silento, kiun interrompis nur kelkaj kraĉoj de tabakmaĉantoj.

Jack devolvis de sia kolo la ŝalon, demetis sian ŝafpeltjakon kaj rompis la silenton per jenaj vortoj: »Porka malvarmego estas, knabetoj.« Li eksidis kaj ŝtopis sian pipon.

Tom Raifelhuber, nia gvidanto, sidiĝis apud Jack. Ni kredis, ke nun sekvos enuiga interparolado, variigita per viski-glutglutadoj kaj multaj paŭzoj, dum kiu nur tute flanke kaj per hazardaj aludoj defalos la vualo de la mistera, sekreta objekto. Sed Martin Baller la idioto, simple ne povis atendi plu kaj sen ia enkonduko li balbutis: »Nu, Jack diru: kio estas tiu grandega umo?«

Nenio povas esti pli ĝena, ol sensanktigi la majestan silenton de serioza horo. Do lian demandon sekvis granda silento tra kiu klare aŭdebliĝis la vebruado de l' tempesto inter la arboj kaj la zumzumado de la neĝeroj, kiuj jetiĝis kontraŭ la vitrotabuloj de l' fenestroj.

Sed Jack estis ĝentilhomo antaŭ ol li venis pro lia edzino en la arbaron kaj li transsavis nin diskrete tra la ĝena situacio.

Jene li respondis, kvankam tio ĉi estis neniam aŭdita sensacio: »al ni ĉiuj mankas bankuvo. Hodiaŭ posttagmeze ĝi alvenis. Mi mem muntis ĝin komplete kaj de nun vi povas vin bani.«

La neĝo komencis pli forte frotfrapi la fenestron kaj ni sciis pri la mondo nur tiomete, ke ĝi komenciĝas ie, ie — trans la nemezurebla maro de l' arbaroj. Se Jack estus por ni konstruinta templon, aŭ estus donacinta aeroplanon, tio estus nenio, tio valorus nenion kaj ni ne povus per ĝi ion komenci. Sed tiel estis tute alie. Jack estis nia bonfaranto.

Tiam Railfelhuber, nia gvidlaboristo, ŝovis malantaŭen sian seĝon kaj ekparolis:

Neniu estas inter ni, kiu ne estus metinta fiodoran lignon sur la fajron kaj neniu estas inter ni, kiu tial ĉion ne malhavus, kio faras vivinda la homan vivon. Mi mem foje elreligis tramvagonon, en kiu sidis la homo, kun kiu mi ne povis aliforme ordigi mian konton kaj mi laboras depost dek jaroj en la arbaro, kvankam ne dorlotata de la Feliĉo. Cetere Jack estis *gentleman*, ĝis kiam li pro lia edzino ne migris al la Sing-Sing kaj el ĝi en la vastan mondon. Jack estas malbona laboristo, terure malbona arbofaligisto, sed li estas pura kaj bona animo kaj li estis mem, kiu unue donis al ni la kuniklon, poste donacis la kinoaparaton, poste la radioricevilon, per kiu ni povas aŭskulti hodiaŭ la orkestron de la Ritz-Carlton Hotelo en Montreal, morgaŭ la helpokriojn de la vaporŝipoj naĝantaj sur la Oceano. Mi supozas, ni ne povas doni pli grandan kaj belan riverencon al Jack, ol la jenan: antaŭ la banej-barako, kiun ni komencos konstrui morgaŭ matene, ni starigu monumenton, sur kiu estu nur la sekvontaj vortoj:

»Je la memoro kaj honoro de Jack Pakham, arbofaligisto kaj gentleman, starigis liaj

# La fontoj de Granado*

**– Francisko Villaespera –**

*Alhamar.* Mia poet' kion portas?
*Abul Beka* Sinjor', floron kaj Kasidon.
La flor' — el viaj ĝardenoj
kie ĝi tremis feliĉa,
kun la granda fierec'
povi ravi vian vidon.
Kaj se vi donas permeson,
kiun ŝi petas humila,
Sobeya, ja la plej bela
el Granadaj sinjorinoj
antaŭ via bril-kortego
recitos mian Kasidon...
Kasidon al la fontanoj
de via urb' favorata.
*Alhamar.* Mi danke la floron prenas,
sed ni aŭdu la Kasidon.
*Sobeya.* La fontoj de Granado...
Ho admiro!
En la nokto, kun stelo-parfumado,
ĉu io pli doloras ol ilia ĝem-spiro?
Ĉio ripozas kun plej rava sento
en l' arĝento fluida de la luno.
Ĉe l' odoro je nardoj sentebla tra la vento,
akvo-freŝeco estas kiel unu
mano refreŝiganta tempion por momento.
La akvo estas kvazaŭ urbo-anim'. Ĝi viglas
dum ĝia dorm', kaj flustre
rakontas de l' silento
la legendojn vivantajn malgraŭ forgesdoloro,
kaj sub la brilaj steloj de la nokto trankvila
ĝi havas ja pulsadojn de disŝirita koro.
La akvo-voĉo sanktas!
Kiu trafas l' akcenton, fundan muzikon ĝian,
iam povos kompreni ankaŭ parolon dian...
Di' per la akvo-guzlo siajn misterojn kantas!
La fontoj de Granado...
Ho admiro!
En la nokto, kun stelo-parfumado,
ĉu io pli doloras ol ilia ĝem-spiro?
Unu font', gutadanta, sopiras kun trembriloj
ĉe ĝarden' ke la mano de misteraj sorĉantoj
briligu sub la luno ĝiajn klarajn ŝprucilojn
por doni al la nokto pli helajn diamantojn,
kaj dume sur marmoron disfaligas sen fino
la perlojn de l' kolringo de riĉa Sultanino.
Aliaj fontoj falas kvazaŭ kun torentbruo
kaj inter poplaleoj defluas sen ripozo,
trenante en la viva helec de sia fluo
interne de ŝaŭmĉerkoj la kadavrojn de rozoj.
Alia tra la muroj malrapide glitadas
kaj inter la hederoj senĉese ĝi larmadas,
kvazaŭ iom post iom, tra vundo sensignifa,
sian sangon elverŝus ĝi ĝis resti senviva.
De l' fontoj en la heloj
ploras la moviĝanta arĝento de la steloj.
Pro tioma malseko la aero malvarmas.
La nokto disfluigas aromon de kaskado.
La akvo ĝemas, kantas, sopiras, ridas, larmas,
kaj super la konfuza eterna murmurado
aŭdiĝas raŭka plendo de l' river-serenado.
La sango de Granado fluas tra tiuj fontoj,
kaj en la mildsilento de la noktoj serenaj,
aŭdante akv-muzikojn sur la malnovaj pontoj,
ni sentas ke ĝi fluas ankaŭ tra niaj vejnoj.
Dormigas la spiriton ĝia muzika ĉarmo,
ni ensorbas la sorĉon de ĝiaj elspiradoj,
penetras ĝis la karno ĝi en daŭraj filtradoj
kaj tra l' okuloj niaj fuĝas en ŝtela larmo...

La fontoj de Granado...
Ho admiro!
En la nokto, kun stelo-parfumado,
ĉu io pli doloras ol ilia ĝem-spiro?
*Alhamar.* Vian belan Kasidon mi aŭdis kun admiro
kaj ĝi restos skulptita per kufikaj literoj
en la plej bela fonto de l' palaco-ĝardenoj,
por ke de l' vizitantaj okuloj estu miro.
La versoj estas, meze de nia malkvieto,
palmoj je kies ombro ni revas pri amglor'...
Kiu ne aŭskultadas la kantojn de l' poeto,
simile ne atentas la voĉojn de l' Sinjor'!
Plej nobla reĝokrono iĝas la poezio...
Se pri via poemo povus esti taksado
kaj mi estus mondreĝo, mi donus ja, pro Dio,
por ĉiu poemstrofo urbon kiel Granado!
Por pagi viajn versojn ne ekzistas trezoro.
Sed, se ne por la versoj, mi pagos por la flor'...
Prenu mian reĝringon kaj sigelojn el oro...
Al vi estu farata la plej granda honor'!

* El la dramo: La Fonto de Perloj.

El la hispana: *Jaume Grau Casas.*

---

bravaj kunburĝoj, kiujn feliĉigis la Fortuno
tiel malmulte, kiel lin.«

Tiun ĉi decidon ni akceptis unuanime kaj per granda emocio. Poste ni kantadis kelkajn kantojn, la kanteton plej ŝatatan de Jack »Ho panjo, ho panjo, ni revenis al vi,« ni kantis trifoje, tiel bela ĝi estis kaj ni trinkis multe da viskio. Poste ni ekmoviĝis ĉirkaŭ la dekunua horo antaŭ meznokto, helpe de du homoj ni transportigis Napoleonon Daguerret kaj ĉiuj transiris en la domon de Jack. La kuniklo ankoraŭ tie sidis, sur la kapo de la dormanta soforo el Marytown kaj restis ankaŭ trankvile kiam la lumo de niaj lampoj grimpis laŭ la muro por ke ĝi brilante haltu sur la emajlo de la belega bankuvo. Akvon ni varmigis, trinkaĵon ni kredencis sed la fortuno de la lotado favoris al Martin Baller, al la idioto, kiu unua rajtis bani en la kuvo kaj kiu poste, hejmenirinte, unua ekvidis la ardajn, fosforeskantajn okulojn de l' unuaj ĉijaraj lupoj en la neĝa, malvarmega, frosta nokto.

El la germana: *A. Kemény.*

# MIA ANGULO

— JULIO BAGHY —

## Karikaturoj

### La organizanto

*Post dekduhora baraktado en triaklasa kupeo de la plej malrapida »rapidvagonaro« de la mondo fine mi sukcesis enlitiĝi. La silento de la hotelĉambro min enlulis, mi jam fermis la palpebrojn, kiam, ve... energia frapo sur la pordo... La palpebroj malfermiĝis kaj terurite mi vidis, ke en la kadro de la pordo aperas du metrojn alta larĝŝultra atleto. Frostotremo kuris tien reen sur mia dorso... Feliĉe, ke la atleto havis mildan rideton ĉe la lipoj, mieldolĉan mienon kaj ĉielbluajn revemajn okulojn, ĉar tio forpelis miajn unuajn pensojn: malgranda hotelo, mi estas eksterlandano, tutmonda krizo, oni supozas, ke eksterlandano portas kun si almenaŭ unu milionon ktp. Poste venis la penso, ke verŝajne la hotelservisto deziras preni miajn ŝuojn por purigi. Nu bone, li prenu! Mi estis turnonta min al la muro, kiam la atleto ekparolis.*

*— Kara majstro, bonan matenon!*

*— Unue, mi ne estas majstro, due, por mi nun komenciĝas la nokto, kara samideano — mi respondis iom akre kaj bedaŭris, ke la vizitanto ne estas bandito, kiu kontentiĝus per la alproprigo de mia plata monujo kaj poste lasus min dormi. Dormi... dormi... ho, dormi!!!*

*— Ĉu mi ĝenas vin?*

*— Ho, tute ne! — kaj mi malbenis la etiketon — Sed, kara samideano, vi certe komprenos, ke la dumnokta vojaĝo, la prepariĝo por la vojaĝo kaj... Kion mi diru al vi? Mi estas iomete tre laca.*

*— Kredeble, kara majstro. Mi ne miras — li diris kaj preninte seĝon li trankvile eksidis.*

*— Mi ne estas majstro.*

*— Bone, bone, mi scias, kion oni devas scii. Mi scias, ke vi estas...*

*Li ekparolis flate dorlote, sed la incensfumo de la belaj frazoj ne atingis mian komprenon. Ho, dormi... dormi kaj nur dormi!... Miaj tempioj nerve pulsis. La okuloj brulis pro maldormo.*

*— Vere vi aspektas tre laca, kara majstro.*

*— Ĉu ne? — kaj vekiĝis espero en mi, ke mia vizitanto baldaŭ forlasos min. — Jes, efektive mi estas iomete laca kaj la kapo...*

*— Ĉu ĝi doloras?*

*— Nur iomete, sed tio ne gravas... Verdire, la vojaĝo ne estis agrabla kaj mi sentas rigidiĝon en mia tuta korpo.*

*La okuloj de la vizitanto ĝoje ekbrilis kaj per subita gesto li deprenis de si la jakon, suprenfaldis la manikojn de la ĉemizo kaj mi vidis tiajn muskolojn, kiujn eĉ lukto-ĉampiono devus respekti ĉe sia kontraŭulo. Pro miro la demando haltis en mia gorĝo. Teruraj scenoj el bulvardromanoj zigzagis en mia kapo. Li ridetis afable kaj proksimiĝis al mia lito.*

*— Gustatempe mi venis.*

*— Ĉu vi pensas — respondis mia ĝemo.*

*— Vi devas scii, kara majstro, ke mi estas diplomita masaĝisto — kaj li faris manmovon, kiu rememorigis min pri la cirkaj atletoj. — Sed antaŭe mi estis buĉisto.*

*— Ne diru! Ĉu vere? — kaj la frostotremo komencis kankandancon en mia dorso.*

*— Sed mi abomenas la sangon. Mi heredis la karakteron de mia patrino. Ŝi estas laktvendistino. Jes, kara majstro, se vi ŝatas la kremon... Nu, iun tagon mi devis forlasi la buĉejon por komenci mian militservon. En la armeo mi estis en la Roto de la Milita Ruĝa Kruco kaj baldaŭ oni rimarkis mian talenton en la arto de la flegado. Do, tie mi lernis la masaĝistan metion, kiu absolute kontentigas min. Ĉar, kara majstro...*

*— Mi ne estas majstro, jam mi...*

*— Mi scias, kion oni devas scii. En la roto ni lernis la flegadon sub gvidado de kuracistoj kaj ni lernis anatomion por ne erari dum la laboro. Vi povas fidi min. Via korpo estas travidebla por mi. Mi refreŝigos vin tute fakscie, ĉar vin bezonas nia movado kaj... Ĉu vi havas pudron? Nuntempe oni masaĝas uzante pudron. Antaŭe oni uzis oleon. Ĝi malpurigas la tolaĵon kaj krome ne incitas sanige la epidermon. Ĉu vi ne havas pleŭriton? Estas grave scii dum masaĝo de la skapolaj muskoloj. Ĉu vi ne havas incititan renon? Estas utile scii dum la masaĝo ĉe la vertebra muskolaro. Nu bone, kaj nun...*

*Kaj nun komenciĝis mia torturado. Efektive mi refreŝiĝis, ĉar la dormodeziro estis forpelata. Mia bonkora samideano parolis kaj parolis, dolorige ilustris sur mi la erarojn de la malnova masaĝarto, poste milde demonstraciis pri la novaj progresoj. Knedante min, li klarigis al mi la nomon kaj destinon de ĉiu muskolo kaj intertempe, akompanate de miaj veoj, dolorsibloj, li malkaŝis la celon de sia vizito.*

*— ... kaj malgraŭ tio, ke mi estas nur komencanto, tamen mi konstatas, ke en la movado ne ĉio estas en ordo. Mankas la nepre necesaj organizaĵoj. Precipe mankas fakorganizaĵoj. Por ekzemplo, al kiu organizaĵo povus aparteni mi laŭ mia profesio? Mi turnis min al la gvidantoj, sed ili ne respondis. Fine mi eksciis, ke la fakorganizaĵo de la masaĝistoj ankoraŭ mankas en nia movado. Longe mi pripensis tiun ĉi mankon kaj subite venis la ideo, ke ĝuste tiu fako estus la plej utila por nia movado. Ĝi estus la refreŝiga taĉmento por niaj lacaj pacaj batalantoj.*

*— Hahaha! Hihihi! Bruhahahaha!*

*— Kio okazis?*

*— Mi estas iom tiklema... Certe, tio estas bonega ideo!*

*— Ĉu ne! Ankaŭ vi trovas la ideon brila! Prezentu al vi, kiom da utilo alportus I. O. M.*

*— Iom?!!... Ho, jes, certe, iom, ... jes, iom ĝi alportus.*

*— Vi bonvolis miskompreni min. Ne iom, sed I. O. M. Internacia Organizaĵo de Masaĝistoj. Cetere mi ankoraŭ ne decidis pri la definitiva titolo. Oni povus nomi la novan organizaĵon I. O. M. E. por havi simbolon pri la maniero kaj precizigi la esperantistan karakteron.*

*Duonsvene, mortknedite mi ĝemas mian respondon.*

*— Jes, iome... sed vi masaĝas trrro-e, ka-rrra sami-dddea-nnno... Se tiamaniere vi daŭrigos vian knedadon, mi povus proponi por via organizaĵo nomon, kiu entenas ankaŭ la efikon.*

*— Ĉu vere?*

*— Jes! M. O. R. T. Masaĝista Organizaĵo Refreŝiga kaj Tutmonda. En la titolo oni retrovas promeson kaj efikon.*

*— Hahaha! Kara majstro, vi bonvolas ŝerci. Jen la efiko de la masaĝo. Vi refreŝiĝis, vi havas bonhumoron... Espereble vi subtenos mian ideon ĉe la instancoj de nia movado.*

*— Tre volonte! Bedaŭrinde I. C. K. kaj U. E. A. ĉesis ekzisti, sed mi rekomendos vian servon al la membroj de la nova reorganiza komitato. Ili estas vere lacaj pacaj batalantoj, kiuj bezonas knedanton por kunglui la nekungluéblan.*



# OBSERVO

## PROUST-STRATO EN PARIZO.

Ĉe la sojlo de la deka datreveno de la morto de Marcel *Proust* — laŭ mallonga sciigo — li ricevas straton en Parizo. Pri li oni baptas tiun straton, sur kiun rigardis dum tiom da jaroj la fenestroj de lia loĝejo. Pli ĝuste: *ne rigardis*. Ĉar dumtage *Proust* kurtenis la fenestrojn. Li ne volis, ne sciis vivi tage... Li vekiĝis nur kiam jam mallumiĝis ĉirkaŭ li Parizo. Kaj li rerifuĝis en sian kurtenitan loĝejon, kiam komencis lumigi la aŭroro.

Nur en la mallumo de l' nokto li sciis vivi. Li malamis la akran brilon, laŭtan bruon de la tago. La homojn li ne evitis tiel kaj tiom, kiel oni vaste diris pri li. Ĉirkaŭ noktmezo aŭ post noktmezo li volonte renkontis tiujn, kiuj pro io interesis lin. Sed dumtage li ne volis konatiĝi kaj amikiĝi. *Mia estas la nokto:* jen lia devizo. Kontraŭ la tago li krude, senindulge batalis. Aŭ eble la senindulgecon de la taga vivo, de la taga lumigo ne eltenis liaj nervoj.

Li estis en tia materiala situacio, ke lia vivo ne dependis de la verkistaj honorarioj. Li ja ne estis vera milionulo, sed li ne devis zorgi: kiom da honorario li ricevos laŭ linioj. Eĉ, li povis pagi por la apero de liaj skribaĵoj, se ili ne povis alimaniere aperi.

La ombrojn de la ombroj de l' ombroj li priskribis. La nuancojn de l' nuancoj. Bedaŭrinde: ne tiel, ne tiom klare, ne tiom koncize, kiel tion postulas la spirito kaj leĝo de la franca lingvo. Nekredeble malmultan okazajon priskribis sur nekredeble multaj paĝoj Marcel *Proust*. Preskaŭ nenion, per preskaŭ neebla parolabundo.

Belegajn titolojn trovis Marcel *Proust*. La unu estis: *Mi serĉas la postsignon de l' perdiĝintaj tempoj.* La alia: *En la ombro de la ekflorintaj junaj virinoj.* Skribi mallonge, simple kaj klare: jen la tradicio kaj leĝo de la franca literaturo. *Proust* ne sciis, eĉ ne volis skribi mallonge, simple, klare. Li distiris timige longa ĉiun sian romanon. Malgrandajn novelojn li vastigis je grandaj romanoj. Li preferis halti kaj longe halti tie, kie estus estinte pli bone rapide pluiri.

Mi devas konfesi: min lacigas kaj ofte tedas *Proust*. Ĉi tiun mian senton ne ŝanĝis tiu modo, kiu, kelkajn jarojn post lia morto, levis subite je granda, eĉ plej granda modo ĉi tiun tre neverŝajne komplikan verkiston. Kvankam jam antaŭ la alveno de la granda modo mi rekonis, ke *Proust* estas vera verkisto. Li nur ne volis trovi la simplan, sinceran, homan voĉon.

Mi konfesas, kvankam hodiaŭ ne decas konfesi: mi opinias nemotivita tiun grandan *Proust*-modon, kiu, kelkajn jarojn *post la morto de Proust*, trakuris Francujon kaj Eŭropon. Sed estis same tiom aŭ eĉ pli maljuste, ke *Proust* mortis kvazaŭ nekonate. La pariza nokto interesiĝis pri *Proust*, la bizara strangulo kaj frenezulo de l' nokto. Sed liaj libroj, verkitaj per turmenta zorgo, asketa avido, neniun aŭ preskaŭ neniun interesis, dum li vivis: kaj dum, estante nokta migranto, li serĉis tamen la rekonon de l tago. La unu ekstremon ŝanĝis la alia ekstremo. La dumvive tre malŝatata, tre malhonorata *Proust* fariĝis postmorte troe tro honorata literatura grandulo. Por mallongaj jaroj.

Li vere ne estis tia literatura diletanto, kia oni lin opiniis dum lia vivo. Kaj ne tia literatura papo, kia oni lin promociis post lia morto.

Sed tion li vere meritas, ke li havu straton en Parizo, ĉe la deka datreveno de lia morto. Ĉar nuraj doloraj trompiĝoj estis lia vivo. Ĉar la skribo estis por li sankta kaj granda afero. Ĉar sincere, tute — sin mem, sian propran vivovidon li volis doni kaj donis en ĉiu sia skribaĵo. Ĉar por neniu kaj por nenio li faris kompromisojn.

Estis domaĝe fari tiel grandan modon el li post lia morto. Kaj estis domaĝe tiom ne zorgi pri li dum la tempo de lia vivo.
*K. B.*

## GORKIJ.

La tuta Ruslando festis la 40-jaran jubileon de la verkista kariero de *Maksim Gorkij*. Laŭ la rusaj laboristoj kaj kamparanoj li apartenas al ili; kvankam li neniam flatis al ili en siaj verkoj. Generale tiu ĉi verkisto neniam flatis, neniam mensogis kaj unuavice pro ĉi tio festas lian jubileon ne nur lia patrolando, sed la tuta kulturmondo. Li mem skribis foje pri Tolstoj, ke *antaŭ Tolstoj ne eblis mensogi.* Eble ĉiam estis Tolstoj antaŭ liaj okuloj, aŭ eble ankaŭ la rusa popolo estas tia, kia Tolstoj: ne eblas antaŭ ĝi mensogi. Gorkij estas verkisto de kvardek jaroj, kreis abunde kaj skribis ĉiam nur la veron. Li skribis la vivon. Se li skribas du liniojn, se li konstruas unu frazon, tiuj jam enhavas parton da vivo, kun ĝia viva spirado kaj kun ĝia kruda kaj fresa odoro. Li verkis ĉiam pri la rusa vivo, pri laboristoj, kamparanoj, kelkfoje pri etburĝoj kaj ofte pri ekstersociaj vagabondoj kaj revemaj migrantoj. Ankaŭ li mem vivis longe la vivon de laboristoj, li estis ŝarĝportisto kaj ŝiptrenisto sur la Volga. Kiam lia unua novelo aperis antaŭ kvardek jaroj, li estis fervoja laboristo en Tiflis. Lia nomo estis *Aleksej Maksimoviĉ Peŝkov* kaj li elektis la pseŭdonimon *Gorkij*. *Gorkij* signifas: *amara*. Eble ne tute trafas tiu ĉi nomo ĉe li, ĉar en liaj skribaĵoj estas ne multe da amaro. Li priskribas la vivon de malriĉuloj, mizeruloj kaj prostituitoj, kaj ne ploreme kaj malespere, sed kun brutala simpleco kaj memkompreneble. Eĉ speco de profunda kaj vera vivoĝojo estas en la skribaĵoj de *Gorkij*, la amo de l' vivo por la vivo mem, la kompreno de l' naturo kaj senekzemple forta fido en la estonto. En okcidenteŭropaj »intelektaj« rondoj nuntempe Gorkij ne estas tre laŭmoda verkisto, interalie pro tio, ĉar ili vidas en li nur regulan reprezentanton de la realismo kaj ne trovas ĉe li altajn kaj komplikajn animajn problemojn. *Gorkij* tamen estas granda verkisto. Granda, ĉar li kreis neforgeseblajn figurojn kaj ĉar lia realismo ne estas tute »regula« kaj »dezerta« realismo. *Gorkij* estas la unua moderna verkisto, kiu priskribis la kamparanon



P. Manaut — *Marmoro*

kaj la laboriston ne desupre kaj elekstere. Li apartenas al ili, vivas inter ili, kaj prezentas ilin tiel memkompreneble, kiel *Balzac* aŭ *Flaubert* la burĝojn. Kaj estas psikologio en liaj romanoj: eĉ, post *Tolstoj* kaj *Zola* li estas la unua verkisto, kiu vere rekonas, ke ankaŭ pri la simplaj homoj oni povas verki sinceran kaj profundan animan portreton. Ĉi tion ni vidas en ĉiu lia verko, en »La perdiĝintaj homoj«, en la diversaj vagabondaj noveloj kaj romanoj, en lia fama dramo: »Nokta rifuĝejo«, en la unua rusa kolektiva romano: »Patrinoj«, en la aŭtobiografiaj libroj kaj en iu lia lasta kaj eble plej plena, plej bela verko, en la »Artamonovoj«, kiu estas nomebla la rusa kamparan-Buddenbrook. Oni ne povas nei lian grandegan efikon al la tuta juna rusa literaturo; kaj lia verkaro nun jam apartenas al la trezoroj de la homa kulturo. Tiu ĉi kaduk-korpa, sulkita, kamparanvizaĝa granda verkisto kaj bona homo vere meritas, ke oni festu lin. *K. B.*

(X) LADY CHATTERLEY'S LOVER, la fama romano de *Lawrence,* ne povis aperi ĝis nun en Anglujo kaj Ameriko, ĉar la prudaj britaj cenzuristoj faris pretekstojn kontraŭ kelkaj pli erotikaj partoj de la libro. Sekve la anglalingva eldono de la fama verko aperis en Parizo kaj la francaj librovendistoj vendis ĝin por pipra prezo al la anglaj turistoj, kiel »pikantan legaĵon.« La romano nun fine tamen aperis ankaŭ »oficiale«. Amerika entrepreno eldonis la libron de la eminenta angla verkisto, mortinta antaŭ kelkaj jaroj — *kun la forlaso de la ĝenaj partoj.*

(X) KLEINER MANN WAS NUN? estas la titolo de grandsukcesa libro nuntempe aperinta en Germanujo. La aŭtoro estas tute nova homo: *Hans Fallada.* En la romano la heroo estas tipa germana ethomo: la familia, juna etoficisto, kiun la krizo faris senlabora kaj fine tute muelas, kune kun lia familio. Eksterordinare pesimisma estas tiu ĉi libro, ĝia fino estas la plej aflikta »unhappy and« kaj tamen ĝi havas senekzemplan sukceson.

# RECENZO



GOETHE: ROMAJ ELEGIOJ. LA TAGLIBRO. tr. de *K. Kalocsay.* (Literatura Mondo, 1932.) Dukolore presita, kun 6 ilustrajoj. 14×10.5 cm. 80 pĝ. Prezo: broŝ. 0.40; bind. 0.60; silke bindita, numerita kaj subskribita de la tradukinto 1.— dolaro afrankite.

Cent jarojn antaŭe, kiel vi certe scias, en Weimar mortis la granda eŭropano, Wolfgang von Goethe. Kaj por celebri tiun memoron, en ĉiu lando aperis studoj pri la geniulo aŭ tradukoj el liaj libroj. Ankaŭ en nia lingvo ni povas fieri pri la publikigo de la titole citita verko. Ĝi ne estas el la ĉefaj inter ĉiuj Goethe-produktoj, sed tre bone karakterizas lian pensadon kaj humoron, kaj estas des pli valora, ju pli malofte ĝi estis tradukata. Oni ja konis en Esp-o la flankon majestan — iom tedan, ni sincere konfesu — de la giganto, dank' al la traduko de tiu apotekista epopeo, kia estas *Herman kaj Dorotea;* oni konis lian patosan aspekton per la traduko de tiu marmorstila ĉefverko, kiun prezentas *Ifigenio en Taŭrido;* oni konis lian romantikan figuron per la traduko de la sentimentalaj, foje sentimentaĉaj *Suferoj de juna Werther* — sed la viron mem, en lia intima, kerna vivo, kiel li sentis, kiel li amas, ni ankoraŭ ne konis. Tiu libro obligas al ni pli rekte kaj sincere amikiĝi al la granda poeto, ĉar, laŭ la parolo de Pascal, post la vortoj de l' verkisto ni eltrovas la homon.

La du partoj traktas proksimume la saman temon — la amon de Goethe al Christiane Vulpius, sed laŭ du tre diversaj tonoj: la unua estas pentrita per antikve klasikaj procedoj: la fono, la scenoj, la stilo, eĉ la poemformo kaj ritmo, ĉio estas aludo aŭ imito al Katulo, Tibulo kaj Propercio, kiujn li nomas la triumviroj de l' amo. De la unuaj versoj:

Ŝtonoj, parolu al mi! ho parolu, vi altaj palacoj!
 Stratoj, vorton nur! Ĉu vi silentas, Geni'?
Ĉie ja logas anim' en la sanktaj kolonoj kaj muroj,
 Romo eterna...

ĝis la lasta poemo, bedaŭrinde ne tradukita de Kalocsay, kiu estas monologo de Priapo, ĉie restariĝas la roma historio, ĉie klariĝas la admiro de l' germana klerulo al la latina civilizo. La amo mem preskaŭ estas sentata kiel plej bona modelo por la ekkono kaj ekkompreno de l' antikvaj ĉefverkoj:

Kaj ĉu ne lernas mi do, se la dolĉajn formojn de l' brusto
 Esploradante, la man' glitas malsupren al koks'?
Nun mi komprenas nur la marmoron; mi pensas, komparas,
 Vidas palpante l' okul', palpas vidante la man'...

En la dua parto, ĉio estas moderna; per viglaj kvinjamboj, aranĝitaj laŭ stancoj, ĝi rakontas al ni komence pri rompiĝo de kaleŝo, kaj fine pri flikado de virto. Kio okazas inter tiuj du eventoj, estas malfacile klarigi per prozo. Tial mi uzos metaforon. Dum ripariĝas lia kaleŝo, Goethe ekvidas la logan montrofenestron de rostisto, kaj haste eniras, forgesante la bonegan manĝon, kiu atendas lin hejme. Sed kiam la servisto prezentas al li la ĉarmajn formojn de rostita kokineto, subite lia tuta apetito malaperas, kaj li devas rezigni la festenon. Dume li pripensas sian antaŭan mirapetiton, kiam hejme li ĝuis plurajn kokinetojn per unu sama manĝo. Je tiu memoro, lia apetito denove vekiĝas, sed pro danko al sia hejma kuiristino, li jam ne tuŝas la gastejajn pladojn, rezervante sin por la familia nutraĵo. Ĉu mia parabolo estis sufiĉe klara?

Tiun aventuron Kalocsay en sia antaŭparolo prezentas, kiel apoteozon de la monogameco; eble, jes, sed apoteozo simila al tiu de la antikvaj romanoj, kiu konsistis en la forbruligo de la apoteozato. Cetere mi ne emas enkonduki moralon en tiajn... kuirejajn incidentojn. Goethe, kiel ĉiuj solidaj genioj, konsentis al la seksaferoj ĝuste la rolon, kiun ili indas: tiun de gravega artmaterialo. Por li la moralo estis nur ĉapitro de la estetiko. Kaj tio estas pli sana spiritstato, ol la obseda kaj indignema zorgo pri obscenaĵoj.

La traduko, kiel konvenas sub la parafo de Kalocsay, estas bonega. En la Romaj Elegioj li uzas kun rimarkinda lerteco antikvan metrikon. Mi jam diris aliloke, sed estas bone ripeti, ke Kalocsay estas la unua esp-a poeto, kiu scipovis komponi harmoniajn heksametrojn; tion li ŝuldas al sia severa observo pri la vira cezuro post la forta tempo de la tria piedo. Sen tiu fortika spino, plej bonintencaj heksametroj fandiĝas en naŭzan kaĉon da amfibrakoj. Ni devas krome noti la pli kaj pli grandan rolon, kiun li donis al la longaj senakcentaj silaboj, prefere al la mallongaj akcentaj, ekz-e:

Ŝi partoprenas en flam', kiun *en lia* brusto ŝi metis...
 Tiel do fine la *tromp' min* trafis. Vi *al mi koleras...*
 Ofte trompata de ŝi *por mia kaj sia* bon'...

Bedaŭrinde la lingvoŝtofo kaj la vortmizero trudas iafoje al li tro pezajn daktilojn, kiel:

Ravas en plena matur' *homojn kaj* diojn la ber',
 Temas pri ia prelat'? Nu, ĉi *prelat' estas* vi.

Pri la lingvo mi rimarkis la esceptan elizion de *kelk horojn* kaj *ankor'* (jam uzita de Grabowski), la adverbigon de *al* kaj *re (klini sin al kaj re)* la arkaikan uzon de

*konvenajoj* (= decajoj, pĝ 5) kaj kelkajn tre bonvenajn neologismojn, precipe *damo* (= sinjorino) kaj *sinki* (= milde fali, kvazaŭ retenate).

Resume, tiu malgranda libro, sub sia tola bindajo, kun siaj graciaj desegnajoj estas vera juvelo de nia poezia libraro. *G. Waringhien.*

TRA SOVAĜA KAMĈATKO de Sten Bergman. El la sveda tradukis: Birger Gerdman. Eldona Societo Esperanto. Stockholm. 1932. 276 p. Kun du mapoj kaj multaj fotoj. Prezo: 4.50 svedaj kronoj. + 10%.

Nuntempe la ekspediciaj libroj estas en modo, kaj legataj avide ĉie en la mondo. Ankaŭ en Esperanto aperas de nelonge jam la tria ekspedicia libro, tre elegante eldonita kaj tre riĉe ilustrita.

La libro priskribas malgrandan svedan ekspedicion, kiu en la jaroj 1920—1922 vizitis tiun preskaŭ nekonatan nordan landon kaj faris tie diversajn sciencajn esplorojn, kolektis etnografiajn kaj natursciencajn dokumentojn por la sveda ŝtata muzeo.

Jam ilia alveno al Kamĉatko estis nekutima, ĉar okazis al ili ŝiprompiĝo kaj apenaŭ ili sukcesis savi sin kaj parton de sia havajo. La libro ne priskribas la tutan historion de la ekspedicio, nur du grandajn ekskursojn, kiujn la aŭtoro faris kun sia edzino parte per hundsledoj, parte per skioj. Tiuj ĉi ekskursoj vere ne estis bagatelaj, se ni konsideras, ke ili travojaĝis 800 kaj 2000 kilometrojn.

Kamĉatko estas tre interesa lando: gigantaj vulkanĉenoj, senfinaj tundroj, severega vintro. Ankaŭ la loĝantoj estas interesaj: politikaj rifuĝintoj, eĉ ordinaraj krimuloj, kiuj ne tre ŝatas paroli pri sia pasinto, plejparte rusoj, sed troviĝas tie homoj el ĉiuj partoj de la mondo, precipe ĉinoj, kiuj komercadas, japanoj, kiuj fiŝkaptas grandskale kaj konstruas grandajn fiŝkonservfabrikojn sur la marbordo. Krome indiĝenoj degeneriĝintaj, venenitaj de alkoholo kaj sifiliso, tre mallaboremaj, por kiuj la tempo havas nenian signifon, kiuj eĉ sin mem ne povus vivteni plu, se ilin ne helpus la pli sanaj kaj pli riĉaj bestbredantaj nomadpopoloj, vivantaj en la altaj montaroj. Tiuj ĉi primitivaj, migrantaj popoloj vivas en jurtoj, estas tre gastamaj, vivas vere liberan, sendependan vivon, vivon krudan, sed belan, estas baptitaj, sed tamen konservis siajn ŝamanajn tradiciojn kaj en ĉiu jurto troviĝas magia tamburo per kiu ili petas la helpon de la favoraj spiritoj. Ili ĉasas diversajn bestojn, precipe zibelon, kiu estas la ĉefa monunuo tie. La alkoholon, kiel ĉiu primitiva popolo, ili freneze ŝatas. La plej interesa parto de la libro estas tiu pri la moroj kaj kutimoj de ĉi tiuj primitivaj gentoj. Okazis kelkfoje, ke matene ili vizitis alian jurton, kaj reirinte jam ne trovis la antaŭan jurton sur ĝia loko, ĉar ĝi dume transloĝiĝis. La bravaj geedzoj devis suferi multajn malfacilajojn, neĝoŝtormojn, kiuj ofte dum tagoj ne ĉesas, froston, malsaton. Ni admiras dum la legado ne nur ilian heroan kuraĝon kaj persistemon, sed ankaŭ la konduton de la hundoj: iliaj plej fidelaj kunuloj kaj helpantoj dum la longa kaj penega vojaĝo.

Plezure oni legas ĉi tiun interesan vojaĝlibron, en kiu varias aventuraj kaj amuzaj partoj. La traduko estas flua, konciza, bona. *Parvus Piscis.*



Darell *Pejzaĝo*

JAKOB ROSENBERG: Esperanta Legajaro. Eldonis la aŭtoro, Tallinn. 154 paĝoj.

Ne tre plaĉa titolo, sed vere bona legolibro por estonoj, enhavanta koncizan gramatikon, kontentige vastan Esp-estonan vortaron, facilajn legajojn. Gia poezia parto enhavas poemojn de Zamenhof, artajn tradukojn de Hilda Dresen, la Kongresan Runon de Kalocsay, poemojn de Baghy, ktp. Tre utila, bonstila verketo. Sed en la frazo: »Tiu ĉi libro estas skribita por la homoj, kiuj kapablas ellerni . . .« la artikolo estas superflua. *Ludoviko Totsche.*

24-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO. Oficiala Raportaro. (Eld. Loka Kongresa Komitato, Paris, 96 p.)

Ĝoje ni tralegis la Raportaron, kiu precize nin informas pri la konscienca laboro de niaj faktoroj kaj ĝoje ni konstatas el la raporto de s-ro Kreuz, ke li mem estas unu el tiuj, kiuj pensas necesa la reorganizon de la movado. Tio estas taksinda precipe el psikologia vidpunkto, ĉar la laboro de ICK sendube ne estis bagatela kaj se iu povas resti post la opoziciajoj klarvida kaj objektiva, kiel la sekretario de ICK, tiu meritas la plej altan laŭdon kaj saluton. La movadon oni devas reorganizi, sed ni ne forgesu konstati, ke la ICK-anoj estas fidelaj bravaj soldatoj de nia paca milito. La rezultoj de la lasta jaro estas relative kontentigaj. — El la datoj ni rimarkis, ke la Sveda Esperantista Federacio estas registrita kun 498 anoj kaj samtempe la gazeto de tiu societo aperas en 3000 ekzempleroj. Kio estas la kaŭzo de tiu ĉi mistero? *F. Szilágyi.*

HUNGARA ESPERANTO-JARLIBRO, por 1932, red. L. Kökény, 56 p. Prezo P 1.50. Jen aperis la triajara eldono de tiu ĉi modela propagandilo, sed samtempe ankaŭ utila manlibreto kaj instruilo por ĉiuj hungaraj samideanoj. S-ino John prezentas interesan bildon pri la agado de HES, Kökény pritraktas sciencan temon: E en la hungaraj enciklopedioj, Traeger verkis pri stenografio kaj E, Joó pri la jubileo de la HES-grupo en Debrecen, Zöldy pri la katolika E-movado, P. Tolnai pri la rolo de E en la rusaj militkaptitejoj. Agrabla allogajo de la libro estas »La Simpla Esperanto«, tiu ĉi sprita, ilustrita gramatiko de Szilágyi. Preso kaj ekstero laŭdas la presejon de Literatura Mondo. *(S.)*

»BES-A ADRESARO *de Esperantistoj el ĉiuj landoj*« *1932*. Eldonas: BES, Potštejn, Ĉ. S. R. 100 p. Prezo sv. fr. 1.—

Tiu ĉi malgranda, praktika adresaro de korespondemuloj aperigis sian jubilean, dekan eldonon, kiu enhavas

1107 adresojn el ĉiuj terpartoj. Bone estas, ke oni povas trovi tiamaniere laŭ profesio kaj laŭ koresponda temo taŭgajn amikojn — kondiĉe, ke ili vere respondos. Multajn oni povas elekti laŭ la fotografaĵo. *P. B.*

## XV. Internaciaj Floraj Ludoj

### en la urbo Vendrell, dum la Pentekosto de 1933

Ĝoje ni sciigas niajn legantojn, ke la famaj Floraj Ludoj, kies mankon oni bedaŭre sentis dum la lastaj jaroj, nun reviviĝos. Ĉi tiuj belaj Ludoj, ĉiujare ripetiĝintaj estis interesaj eventoj de nia movado, multaj famuloj de nia literaturo partoprenis ĝin per siaj verkoj kaj ĉiujare ni povis al ĝi danki la naskiĝon de poeziaj perloj. Ni esperas, ke la saman favoran efikon ĝi havos ankaŭ de nun, kaj eble ni havos la okazon ĝojigi niajn legantojn per la publikigo de kelkaj el la premiitaj verkoj.

Inter la ordinaraj temoj troviĝas la tradicia: Originala Versaĵo Kantanta Amon premiota per la solena donaco de l' Natura Floro. Krome: Originala *Ama* Verko en Prozo kaj du fiksitaj tradukoj el la kataluna lingvo.

Inter la eksterordinaraj temoj ni trovas tri laŭvolajn, unu pri »Studo pri popolkantoj kaj popolkutimoj« kaj unu pri »Kiel oni faras bonstilan tradukon«. Ĉi lasta estos premiita per la dumviva abono al Kataluna Esperantisto; la premio de la aliaj estas po 50 pesetoj.

Pliaj premioj kaj temoj sekvos en la venontaj numeroj de la Kataluna Esperantisto.

Detalaj informoj estas riceveblaj ĉe la sekretario de la Juĝanta Komitato: sro *Jaume Grau Casas*, Ramon i Cajal 53, Sant Quinti de Mediona, Katalunujo.

Ni finas per la tradicia alvoko de la Floraj Ludoj: *Inspiron al ĉiuj por la gloro de nia Literaturo.*

## Premio por frupago

Por komplezi al niaj malnovaj abonantoj, ni donas al ĉiuj, kiuj pagas sian tutjaran abonon por 1933. ĝis 1. decembro 1932. por 0.15 usonaj dolaroj de sendkostoj BINDAĴON POR LA JARKOLEKTO 1932.



Por aliaj, nepagintaj ĝis tiu dato, ni fiksis prezon por la bindaĵo en dolaroj 0.50 afrankite. La bindaĵo estas bela duonleda, fortika, kun ora surpreso laŭ la suba bildo. La bindaĵon ni ekspedos kune kun la enhavtabelo samtempe kun la januara numero.

*Al ĉiuj novaj abonantoj,* kiuj sendas sian tutjaran kotizon por la dua jaro ĝis 1.12. 1932. kaj aldonas 0.10 dolarojn, ni sendas senpage tri diversajn numerojn de Literatura Mondo el 1932.

En la lasta momento, antaŭ apero nin trafas la dolora sciigo, ke i. akademiano, lingvakomitatano

## Paŭlo de Lengyel

mortis en sia 64-a jaro en Budapest je la 4-a de oktobro.

La karmemora mortinto estis unu el la atestantoj de la heroaj tempoj de Esperanto. Kiel presejposedanto de Szekszárd li redaktis kaj eldonis la gazeton »La Esperantisto« en tiu tempo, kiam ĝi estis la sola gazeto de Esperanto. Poste li iris al Parizo, estis kunfondinto de la »Presa Esperantista Societo«. Post la milito li revenis Hungarujon, kun kadukiĝinta korpo, malsane kaj mizere. Tamen li ne ĉesigis sian esperantistan agadon, li estis ĉefkunlaboranto de la L. M., en ĝia unua periodo, kaj verkis por ĝi siajn interesajn Rememorojn.

Nun post la meritplena, multpena vivo li ekripozis. Li foriris al sia amata Profesoro Cart, kies adepto li sin sentis kun la plej sindona fidelo.

Dolore ni adiaŭas nian karan kunlaborinton, lia memoro kaj la rezultoj de lia fervora agado restas al ni eterne.

Al lia familio jene esprimas sinceran kondolencon

**Literatura Mondo**

### Alvoko

L. M. intencas kolekti por listigo kaj eventuala eldono vortojn, esprimojn, parolturnojn, kiuj estiĝis en diversaj lokoj por signi specialaĵojn de la esperantista vivo aŭ por anstataŭigi intimajn, ŝercajn, duonslangajn, vulgarajn, popolaromajn, grimacajn formojn de la respektiva nacia lingvo.

Tial ni alvokas precipe la samideanojn, ĉe kiuj ekzistas intensa grupvivo, ke ili bonvolu kolekti kaj kompleze al ni sendi la ĉirilatan materialon. Speciale ni petas la »esperantajn geedzojn«, por kiuj Esperanto estas aŭ longe estis familia lingvo, ke ili kolektu el la memoro, kaj sendu al ni tiajn spontane estiĝintajn formojn. Tre bonvenaj estus ankaŭ la kreaĵoj de Esperante parolantaj infanoj.

### Neologismoj

en tiu ĉi numero, ne troveblaj en la Plena Vortaro de S. A. T.:

*hasti:* nervoze rapidi
*sledo:* glitveturilo
*tomano:* persa monero
*trampo:* ĉifona, malzorgita ulo.

La kliŝojn por tiu ĉi kaj la antaŭa numeroj afable pruntedonis la franca revuo *»Le Crapouillot«.*

Se ne sufiĉas al vi tempo tralegi la tutan verkaron de D-ro Zamenhof, almenaŭ kaptu ĝian esencon per

## ZAMENHOFA LEGOLIBRO

Plej modela legolibro por superaj kursoj, enhavantaj eltirajojn el Zamenhofaj tradukajoj kaj originalajoj kaj pri Z-aj verkoj
Broŝ. 13×19 cm, 144 p. Dolaroj 0.34

**Arišima:**
**Senbedaŭre Amo Rabas**
Majstra verko de l' aŭtoro de „Deklaracio", kiu sinmortigis kun la amatino pro ama afero
Bind. 0.68, broŝ. 0.51

**Išihara: Verda Karto**
Premiita romano ĉe konkuro temanta post-50-jaran vivon Broŝ. 0.51

**I. U.: Verda Parnaso**
Originalaj poemoj kaj tradukoj el japanaj poezioj Broŝ. 0.57

**Akita: Danco de Skeletoj**
(Teatrajo) 0·30

**Nacume: Turo de Londono**
(Noveleto) 0·15

**Jamamoto: En la Nebulo**
(Radiodramo) 0·15

**Ossaka: Fabloj de Ezopo**
0·40

**Cujuki:**
**Ŝtala Biblio de Samurajismo**
0·15

**Tokieda:**
**Pri Origino de Japana Popolo**
0·07

**Granda Lernado kaj Doktrino de Mezeco**
Unua libro de Konfuciismo 0·43

**Japana Ŝlosilo**
0·03

Prezoj en usonaj dolaroj afrankite
**Eld. de Japana Esperanto-Instituto, Tokio**
**Mendeblaj ĉe LITERATURA MONDO**

# Vi KRIMAS

**kontraŭ vi mem! Vi ne sendis la aliĝilon al**




# Literatura Mondo por AELA

**Budapest, Hungarujo, IX, Mester ucca 53, V. 7.**

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István